1-15 JANUARO 1909 Unu Numero : 15 CENTIMOJ (6 Spesdekoj) KVINA JARO. – N^oj 46-47

# ★ ESPERANTO ★

OFICIALA ORGANO DE LA ★ UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO ★

Duonmonata Internacia Gazeto

**ABONO**
Unu Jaro . . . . ₷. 1.60 (4 frankoj).
Oni abonas ĉe la Administrejo
8, Rue Bovy-Lysberg, 8, Genève (Svisujo)
aŭ ĉe la lokaj agentoj

**DIREKTORO :**
HECTOR HODLER
8, Rue Bovy-Lysberg, 8
Genève (Svisujo)



## SUR NIA VOJO

Antaŭ unu jaro, je la sama epoko, ni skribis : « ...Per la ĝis nun varbitaj elementoj, ni povus jam nuntempe starigi multajn ŝatindajn servojn internaciajn per Esperanto, se tiuj elementoj estus racie grupigitaj kaj organizitaj. Por internacia organizo de la Esperantistaro, per kiu nia movado akiros pli da vivo kaj da efektiva unueco, ni de nun laboros, fortigitaj de multenombraj ricevitaj kuraĝigoj kaj de la konvinko, ke tiu kreajo estos fruktodona por Esperantismo. » Poste ni aldonis : « ...La kreo de tiu nova organismo estas sur la bona vojo kaj ni esperas, ke ni baldaŭ povos konigi al niaj legantoj la ĝojigajn atingitajn rezultatojn. »

Tiuj samaj legantoj povos juĝi, ĉu tiuj promesoj estas plenumitaj. En la momento kiam la supre rememorigitaj linioj estis verkitaj, apenaŭ estis komencitaj la unuaj klopodoj por la celita internacia organizajo, pri kies principo multaj tiam volis nenion aŭdi. Nur dum monato aprilo, la dirita organizajo, dank'al la bonvola partopreno kaj fervora kunhelpo, kiun alportis diverslokaj grupoj, fondiĝis sub la nomo *Universala Esperanto-Asocio*. Ĝi tiam kalkulis nur kelkajn dekojn de Delegitoj ; hodiaŭ, nur post okmonata vivado, ekzistas reprezentantoj de ĝi en pli ol kvar cent kvindek lokoj kaj la nombro de ĝiaj membroj atingos baldaŭ la trian milon. Dume, multaj servoj estis starigitaj kaj preciza plano de agado por ĉiu el ili estis formulita, komencita kaj efektiviĝos en la daŭro de la proksima jaro. Inter la laboroj jam plenumitaj de U.E.A. en la praktika kampo ni citu la plenan starigon de la diversfaka konsularo kaj de la Esperanto-Oficejoj laŭ unuforma plano, la organizon de karavanoj al la kongresurbo, klopodadon ĉe la direktoroj de lernejoj en multaj landoj por konigi al ili la profitojn de U. E. A. por iliaj lernantoj, la eldonigon de gvidfolioj kaj gvidlibroj, la organizon de multaj konkursoj por ĝiaj membroj, la publikigon de diversaj praktikaj eldonajoj kaj de sennombraj artikoloj en ĉiulandaj gazetoj, k. t. p. Pri la gravaj laboroj nun entreprenataj de la aliaj fakoj, speciale pri tio, kio koncernas komercon, turismon, aerveturadon, niaj legantoj povos regule legi el ĉi tiu jurnalo mem kaj el la venonta eldono de nia Jarlibro. Ili konstatos, ke ĉiuj partoj de la laboro realigata de U.E.A. estas intime kunligitaj kaj en ĉiuj fakoj la tasko estas farata laŭ la sama metodo.

Ni konscias, ke U. E. A., per siaj propraj fortoj, absolute sen ekstera subteno, ekplenumis ne nur materialan ŝatindan laboron — la skizo de multaj internaciaj servoj, neeblaj sen internacia kaj forta organizajo — sed ankaŭ moralan agadon, kiu ne estas la malpli grava. Oni rememoras en kiu tempo kaj sekve de kiuj cirkonstancoj la fondo de U. E. A. estis pli rapidigita. Multaj samideanoj jam dubis pri la vojo elektota ; montriĝis en nia movado grava manko de materiala unueco, kiun ne povas ĉiam anstataŭi morala unueco, kaj sekve de ordo en nia agado ; ekzistis verdire esperantista popolo, sed ĝi ekzistis en diseco, sen regula organizajo, dank'al kiu ĉiu el ĝiaj membroj povos harmonie kunlabori laŭ difinita kaj leĝa vojo, sen reciproka altrudo de siaj personoj, gustoj aŭ metodoj. Ekzistis precipe, en nia propagando, ne sufiĉe da praktikeco : oni instigadis la homojn al la lernado de nia lingvo kaj interŝanĝe proponadis al ili nenion aŭ nur malprecizajn estontajojn ; fine, oni tro ofte konsideris kaj ankoraŭ konsideras la lingvan flankon de Esperantismo kiel la ĉefan aferon, dum en la realeco estas grava antaŭ ĉio la socia signifo de nia movado.

Ni ne estas tiel memfidaj por kredi, ke dank'al U. E. A. tiuj diversaj mankoj, neeviteblaj en komenca periodo, estis tuj forigitaj, sed jam montriĝis al ni per multaj signoj, ke en tiu rilato nia agado ne estis senfrukta. El ĉiuj lokoj venis al ni multaj helpoj de ĉiurangaj samideanoj ; tiuj helpoj ne konsistis el facilaj aproboj, sed en materiala, ĉiutaga, metoda kaj fervora laboro, sen kiu ĉia ideo, eĉ la plej grandioza, restus ĉiama revajo. Dank'al tiu helpado ni povis efektivigi la taskon por kiu ni estis komisiitaj kaj atingi ĝojigajn rezultatojn, kaj dank'al tio, ke nia laboro estis internacia kaj preciza ĝia celo, niaj kunlaborantoj ĝoje partoprenis en ĝi, sciante, ke ilia penado estas iel ajn uzata por la komuna tasko. Ni povus citi lokojn, kie revekiĝis ekdormantaj grupoj aŭ samideanoj, ĉar ili konsciis, kion ili devas fari kaj kien celi, kaj lokojn, kie ĝis nun izolaj samideanoj, fariĝintaj reprezentantoj de U.E. A., estigis esperplenan movadon en sia regiono. Kaj ju pli ni iros antaŭen, des pli multiĝos tiuj ekzemploj. Ĉar potenca levilo estas la forto de l'organizo kaj la sento de solidareco, kiun ĝi devige naskas.

* * *

En la komenco de ĉi tiu jaro, ni do povas nur ĝoji pro la ricevitaj rezultatoj kaj esperi, ke ĝuste kompensinte niar celadon, pli kaj pli multaj estos niaj kunlaborantoj kaj sekve pli kaj pli utila fariĝos nia Asocio.

Sed por nia celo, la akiro de kunlaboranto fariĝas vere utila nur se tiu kunlaboranto konscias pri la fundamentaj principoj, laŭ kiuj estis kreita U. E. A., t. e. estos Esperantiano ne nur per la fakto, ke li aliĝis al nia Asocio, sed per tio ke li komprenas ĝian signifon kaj rolon, siajn rajtojn kaj devojn al ĝi. Tiam anstataŭ fari sian taskon simple kun akurateco, li plenumos ĝin kun amo kaj fervoro kaj estos vera iniciatema kunlaboranto en nia afero, ĉar li scios ĝuste sur kiu vojo li iras kaj kien ĝi kondukos lin.

Ĉar en la komenco de l'jaro, ĉiu kutimas ordigi siajn ideojn, ni ankaŭ uzos la okazon por formuli, pluan fojon, la esencajn principojn de U. E. A.

U. E. A. celas la triumfon de Esperantismo, t. e. la kreadon de neŭtrala fundamento, sur kiu la diversgentaj homoj povos interkomunikiĝadi, ne altrudante al si reciproke siajn gentajn apartajojn. Konsekvence, ĝi por tiu celo organizas diversajn internaciajn servojn, tuj uzeblajn de tiuj homoj, kiuj en tia aŭ alia fako havas intereson en la vivo internacia. Ĝi laŭ sia tuta povo faros mem aŭ helpos ĉiun entreprenon, kiu celas plifaciligi la rilatojn inter diversgentaj homoj kaj krei inter ili fortikan ligilon de solidareco ; ĉar la plej granda baro por la kreado de neŭtrala fundamento estas la diverslingveco, ĝi uzas la lingvon Esperanto, kiu pro sia jama disvastiĝo kaj neŭtraleca karaktero, estas la plej taŭga kaj praktika ; per siaj diversaj servoj, ĝi kreas la *bezonon* de internacia lingvo, kiu estas ilo necesega por ĝia agado, sed nur *ilo*. Ĝi tiel same disvastigos la uzon de ĉia sistemo neŭtrala, kiu pri aliaj temoj povus plifaciligi la rilatojn inter la homoj.

U. E. A. laboras esence per si mem ; ĝi konfidas ĉefe al sia propra laboro kaj ĝiaj peraj aŭ neperaj konsekvencoj ; de la eksteraj aŭtoritatoj, k. e. registaroj, sciencaj rondoj, k. a., ĝi atendas nun tre malmulte da helpo, ĉar la vera karaktero de nia movado estas por ili io tre malbone konata kaj ekster ilia agado. La utileco de ĝiaj servoj estos ĝia plej bona propagandilo. Plej grava kondiĉo de venko kuŝas en la principo de solidareco, sen kiu organizajo ne povos longe vivi. Estas necesege, ke niaj membroj ne nur kiel eble plej ofte uzu niajn servojn, sed ĉiam rememoru, ke inter Esperantianoj devas ekzisti la plej granda solidareco kaj reciproka helpemeco ; per tio U. E. A. fariĝos fortika kaj konsiderinda organo en la vivo internacia ; male, se tiu spirito ne kunigas ĝiajn membrojn, ĝi ne vivos kaj ne estos vivinda.

Aliflanke, organizajo ne povas prosperi sen la senĉesa interkomunikado kaj ideŝanĝado inter siaj membroj kaj iliaj rajtigitoj. Por tio necesega estas liberala organizo : tion tuj de la komenco alprenis U. E. A. ; ĉiuj oficoj estas komisiitaj al rajtigitoj regule balotitaj de niaj membroj por difinita tempo kaj ĉiam kontroleblaj. Plie, dank'al la iniciatrajto, ĉiu rajtas fari precizan proponon kaj ĝin submetigi al ĝenerala voĉdonado laŭ certaj reguloj. Do, nenia okultajo, nenia okultulo, sed nur rajtigitoj respondeblaj antaŭ la membraro kaj ricevintaj de ĝi sian komision. La sperto pruvis, ke tia regula organizo, laŭ tiuj larĝaj principoj, estas tute ebla kaj plej ŝatata.

Tiaj estas la ĉefprincipoj de U. E. A. Se ĉiuj niaj samideanoj konscias pri ili kaj alkonformiĝas, estas jam neniu dubo pri nia venko. Ili ĉiuj sekvu senŝancele tiun vojon dum la nuna jaro, en tia unueca harmonio, kian naskas ĉiu orde plenumata laboro kaj la gvido de difinita idealo : jen estu nia plej varma Novjara deziro.

H. HODLER.

## TRA LA MONDO

### GERMANUJO

Berlin, Decembro 1908.

*Zeppelin kaj la „ Interview ” ; ŝanĝo de ministro ; du sensaciajoj.*

En la tagoj de Krisnasko verki raporton pri la stato en Germanujo ne estas facile ; ĉar la Germano en tiuj-ĉi tagoj forgesas la tutan mondon kaj vivas nur en sia familio ; ĉiuj pensoj moviĝas pri la donacoj kiujn oni faras aŭ akceptas je siaj gefamilianoj, pri la vizitoj de parencoj kaj amikoj, k. t. p. Nur la plej fortaj impresoj havas rolon en la konversacio eĉ familia.

Du okazintajoj okupadis la komunajn interesojn dum la lastaj monatoj :

Zeppelin kaj la „ Kaiser-Interview ”.

La nomo „ Zeppelin ” korpiĝas por la Germanoj la ideon de la aerŝipo. La eltrovo de l'aerŝipo certe estas tre grava momento de la homa evolucio — kaj la rekono de tiu ĉi fakto eĉ nekonscia montriĝis en la fortoj sentadoj, kun kiuj ĝi estis akceptita de la germana popolo. La komuna travivajo, kiel nemultaj aliaj, havis tre unuigantan efikon, en kiu tute malaperis ĉiu militemeco. Ekzistas rondoj kiuj la problemon de la aerŝipado rigardas precipe laŭ milita vidpunkto, — la plimulteco tamen festigas la venkon de la homo super la aero, rekonante iom post iom siajn eblecojn kaj sian nelimigitan volon. En Berlino oni ne malofte havas okazon observi la aerŝipon de la societo por studi aerŝipadon, rigardo kiu sufiĉe malkutime ĝis nun al ĉiuj faras grandan impreson.

La „ Kaiser-Interview ” similamaniere elvokis konsidereblan unuecon de ĉiuj kastoj de la popolo, kaj same la esprimon de tre decida pacamo. Pli ol iam oni sentis en Germanujo, ke vivo kaj sorto de granda popolo ne povas esti grave influata per la emocioj de apartaj personoj eĉ per rango multe influemaj. La ideo nacia : — la kunaparteno de ĉiuj samlingvanoj — en Germanujo en tiu ĉi okazo montriĝis fortega ; la ideo monarĥa : sento de principa konfido je personoj, kiuj akceptis per „ favoro de Dio ” kaj same per volo aŭ certe konsento de la popolo gravajn oficojn, gravajn rajtojn — ankaŭ tiu ideo montriĝis kiel profunde enradikigita en la germana animo. Tamen en tiu-ĉi okazo la ekkono de la relativeco de tia pozicio penetriĝis en vastaj rondoj. Kritiko pri la persono de la monarĥo, kritiko pri la konstitucio, okaze tiu impreso komencis malfermi la okulojn al mil kaj mil personoj. La valorega gajno de la afero estis la libera, unueca interparolo kaj la komuna konsento pri tio, ke por ŝanĝoj de la konstitucio ne ekzistas „ fundamento ”, nek „ netuŝebleco ”. Same la trankvileco, la objektivemeco, kiun montris eĉ la plej radikalaj partioj en tiu ĉi okazo, estis tre ĝojiga signo ; la germana popolo maturiĝas laŭ politika vidpunkto : partio-disputo reteniĝis pro la deziro unuiĝi en komunaj interesoj.

Dum nun la financa reformo okupas la negocojn de la „ Reichstag ”, ni tamen esperas ke ankaŭ en la priparolita afero la opinioj densiĝos iom post iom kiel destinitaj proponoj, ke eble leĝo pri la respondebleco de la ministroj serioze estu pridiskutota.

En Prusujo nuntempe proksimiĝas nova ŝanĝo de personoj : verŝajne la ministro por instruado, Holle, anstataŭiĝos pro malsaneteco. Ĉiuj kiuj rigardas la edukadon kiel la plej gravan aferon de popola evolucio, certe tre interesiĝus scii, kia persono plenumos tian gravan kaj influan oficon, zorgante same pri pastraro, k.t.p.

*** 400,000 personoj en Berlino, Leipzig, München, Halle, Lübeck, k. t. p, ricevis kelkajn tagojn antaŭ Kristnasko „ bluan leteron ” mane skribitan kun intima adreso ŝanĝita laŭ ofico, titolo, rango de la adresato, atentigante pri tendenca romano en kiu la adresato kiel aliaj tre konataj personoj estus grave kompromititaj. Kun tia maldelikata reklamo la eldonisto de la tute senvalora libro komplete trompiĝis : lia agado, kaŭzis, ke dudek aŭ tridek personoj reaĉetis la libron, ke multaj familioj estis malkvietigitaj, kaj ke li mem estis arestita pro „ grober Unfug ” t. e. grava nekonveno. Tamen li estas montrinta certan honon de homa naturo kaj de la stato de la societo kiu kunligas nesufereblajn animstatojn kun tiel same nesufereblaj eksterformoj aŭ kutimoj. Kiel ekzemplo povas servi alia kazo kiun certe la gazetoj detale pritraktos :

La 26an de decembro, IIa Festtago de Kristnasko, en Mainz studento de astronomio de dudekunu jaroj mortigis sian propran patron, vinkomerciston Racke, kaj siajn tri fratinojn, dormantajn en liaj dormoĉambroj. Li tuj konfesas kaj deklaras ke li volis liberigi sin de iliaj zorgoj.

„ Sendube, skribas la gazetoj, tio estas la faro de frenezulo ! ” Certe, sed kiom da tempo oni kontentiĝos la publikon en similaj kazoj kun tia absurda klarigo ? La antaŭtagon la mortiganto estis preninta la sanktan sakramenton kune kun siaj gefamilianoj, la vesperon antaŭ la faro mem li ĉeestis tute gaje kun ili kiuj tute ne suspektis ian danĝeron, fakte nenion sciis pri la animstato, pri la intencoj de li ; ĉar tiaj gravaj decidoj eĉ de „ frenezulo ” ne povas naskiĝi tute subite, rezultas ke la gefamilianoj tute nenion sciis pri la anima evolucio de la junulo.

Jen la gravaj danĝeroj de la germana familia vivo, de kiu antaŭe ni memoris la plej belajn trajtojn. La familia interligo en Germanujo fariĝis en tia grado memkomprenebleco, ke la plej gravaj ŝanĝoj en la gefamilianoj tute ne rimarkiĝas, kiam ne estas rompitaj la tradiciaj formoj de la familia vivo — ĝis subita katastrofo montras la ŝanĝojn, t. e. la „ tute malatenditan kaj nekompreneblan agadon ” de personoj, kiujn oni kredis koni.

Certe similaj faktoj okazas en la tuta mondo kaj ne estas limigataj je Germanujo, tamen ŝajnas ke ili korespondas al certaj apartecoj de societo kaj edukado. Malfido estas la ĉefa kaŭzo de similaj malfeliĉajoj, kaj tro malmulte ĝenerala scio pri la homo. Kiam nia popola edukado faros la progreson ebligi antaŭ ĉio klarigon pri ĉio kio koncernas homan naturon ?

Kiel montras la faktoj, ĝis nun ne estas eble, malgraŭ nia patra lingvo, kompreni la agadon de nia propra frato kaj filo.

Espereble internacia lingvo, plej grava instrumento de la sociala movado, ebligos la internacian diskutadon pri tiaj vere homaj aferoj, kaj same la plej grandan disvastigon de moderna scienco, de scio pri homa naturo

W. MARCHAND.

### GREKUJO

Patras, Decembro 1908.

*Politiko ; Komerco ; Vojaĝo.*

Efektivaj partioj ne ekzistas en Grekujo ; oni nur staras post la personoj politikaj mem. Kaj tial la politika sento estas tre granda : ĉiam la Grekoj legas jurnalojn, da kiuj proporcie multe pli ili havas ol aliaj popoloj Kompreneble tiamaniere ne tre multe estas farita aŭ farata por plicivilizi la landon. De duona jaro S-ro Gunaris estas financministro, juna, kapabla kaj bonvolonta homo ; li nur pli energie defendas proponojn, kiujn aliaj antaŭ li jam faris. Lasttempe oni tre agis por lin faligi, sed ankoraŭ li tenas sin forte. Kiam li estos sekvata (kaj pli malpli frue tio okazos), la tuta oficistaro de l'lando ŝanĝiĝos ; ke tio ne antaŭenigas la politikan kaj financan staton, estas facile komprenebla.

Estas tamen rimarkinde ke por la kontrolo de la greka financo, la situacio multe pliboniĝis, tiel ke multaj juĝas ĝin pli favora ol la italan. Dum antaŭ kelkaj jaroj la valoro de ora franko estis Draĥmo l. 40, ĝi en 1908 atingis eĉ Dr. 1.03-4, kvankam nun ĝi ree leviĝis al Dr. 1.07 ½.

Kretujo jam multe da sango kaj mono kostis al Grekujo, kaj multaj nenion plu volas aŭdi pri ĝia grekigado; tamen malgranda Grekujo devas pacience atendi la decidon de l'Eŭropa konferenco kiu sendube sankcios la volon de l'Kretoj; ĝis tiam estas provizora registaro, dum la Eŭropaj Potencoj ne havas plu iajn rajtojn.

La Balkan'aj maltrankvilaĵoj ne malhelpis la grekan komercon, sed kontraŭe donis al ĝiaj ŝipoj pli da profito pro la bojkoto kontraŭ Aŭstrio. La rikolto de olivoj estis tre malgranda, kaj la prezoj altaj; ĉar la kvanto da olivoleo kaj ĝia kosto influas la konsumon de bakalao (Stockfisch, Codfish, salitaj sekaj fiŝoj de Labrador), la pli granda importo de l'lastenomita artikolo iom suferigis ĝiajn prezojn. La rikolto de citronoj kaj valoneo (kverkŝelo por tanistoj) estas kontentiga. La perviva komercaĵo de Patras, korintaj vinberoj, superis rikolte multe la mondkonsumon; la privilegiiata kompanio deklaris retenaĵon de 35 procentoj kiun ĝi uzas por diversaj celoj, kiel lampbrulmaterialo, vinmaso, k. t. p., kaj la restaĵo da proksimume 130 000 tonoj anglaj realigas nur la minimumajn prezojn kiujn allasas la tre komplikitaj reguloj de la privilegiita kompanio. La ĝenerala malbona komercstato, la ĉieaj bonaj fruktrikoltoj, kaj la prezfalo por la Smyrna'aj sekvinberoj tre malakcelas la disvendadon, kaj de kelkaj jaroj ankaŭ Aŭstralio sukcese plantas korintajn vinberojn, kio en nenia alia lando estis eble krom en tute specialaj partoj de Grekujo kaj nur kelkaj inter la Ioniaj insuloj. La dirita kompanio multe pli bonigis la staton de l'korintvinberplantistoj, kiuj ankaŭ ricevas multe da mono el la elmigrintoj en Ameriko, sed ankoraŭ la plantistoj ŝajne ne kapitale uzas sian monon. La elmigrado ankoraŭ daŭras al Ameriko, sed multaj estas jam revenintaj pro la tiea krizo. Tre fiere parolas la grekaj gazetoj pri la vortoj de Edison, kiu ilin nomis la plej bonaj laboristoj el ĉiuj.

La alvojaĝo Grekujon estas tre agrabla per la bonaj linioj el Triest, Venezia, Brindisi, Napoli, Genova, Marseille kaj oni elŝipiĝas en Pireo por Athina rekte, aŭ en Patras de kie oni povas viziti la ruinaĵojn kaj muzeon de Olimpia. En la Patras'a „Grand Hôtel d'Angleterre" estas bone Esperanton parolanta gvidisto kiu albordiĝas la vaporŝipojn la unua. Plej multaj vojaĝantoj prenas la vagonaron de Patras al Athina (krom la kutimaj, 3 luksaj ĉiusemajne kaj ĉiudirekte), ĉar la vojaĝo laŭlonge la bordo de l'Korinta Golfo estas tre ĉarma, kaj krom ebligita halto en Korinto por tiu antikva urbo, por Naŭplia, Epidaŭro kaj la aliaj antikvaj vidindaĵoj en la Peloponeso, oni povas en Dhiakopto fari ekskurson per la dentrada vagonaro (ĉiutage unu ĉiudirekte), al Kalavrita pro vizito de l'monaĥejo Megaspeleon, kiu estas la plej grava kaj promilite fama en tuta Grekujo. Delhi kaj Theben estas plej bone atingataj de Athina, ankaŭ Kretujo kaj Malgranda Azio, dum la Ioniaj Insuloj estas vizitataj de aŭ Patras aŭ Kerkira (Korfu).

La Esperanta movado en Grekujo estas ankoraŭ tre juna, kaj K. Kuluri, la tradukinto de l'Fundamento, ne plu Esperantano. Mi ne dubas ke la baldaŭ de la Samos'a grupo aperonta speciala greklingva Esperanta revueto nin bone helpos en la regno Grekujo mem. Estas dezirinde ke alilingvanoj kunsubtenu ĝin, pro la bono de la movado inter greklingvanoj. Ankaŭ en Athina la agado ne estis ĝis nun tre energia kaj sukcesplena.

Paul BÜNEMANN,
*Subdelegito por Grekujo.*

## ITALUJO

Bologna, Decembro 1908.

*La parolado de S-ro Fortis.*

La kunsido de l'itala deputataro de l'tago 4ª decembro estis konsiderita kiel memorindaĵo en la historio de l'Itala parlamentarismo pro la alparolado de l'eksministro Aleksandro Fortis kiu parolis pri la eksterlanda politiko. Lia mallonga alparolado, estis taksita, unuavoĉe de l'itala gazetaro kiel unu el la paĝoj plej belaj de la parlamenta elokventeco kaj plej brilaj por patriotismo. Mi tradukas la ĉefajn periodojn de la notinda parolado, avertante ke tiu ĉi speco de oficiala eksplodo de patriotismo atingis la efikon kvietigi la animojn de la popolamaso iom ekscititajn pro la faktoj okazintaj en Vieno. Mi tuj aldonas ke la alparolado de l'ministro Tittoni havis siaflanke sian efikon ĉar la pacifista politiko de l'ministraro estis aprobita de l'deputataro per granda plimulto de voĉdonantoj.

Jen la plej gravaj vortoj: « Mi ne povas konsideri laŭleĝa la anekson de Bosnio-Herzegovino al Aŭstrio kaj mi neas ke oni povas kaj devas ĉiam aprobi la plenumitajn faktojn eĉ se ili estas faktoj de perforto... Per l'anekso de Bosnio kaj Herzegovino, Aŭstrio efektive sensanktigis la Berlinan interkonsenton kaj mi afirmas ke oni ne povas taksi kiel decan kompenson la forlason, je parto de Aŭstrio, de l'sanĝakato de Novi-Bazar, forlaso kiu, aliaflanke ne eligas la eblecon de antaŭeniro de Aŭstrio sur la vojo de Saloniko. Pri la ĉesinta viglado de Aŭstrio sur la akvoj de Spitzo Montenegro, mi rimarkigas ke devas finiĝi, plenrajte, la okupo de Spitzo je flanko de Aŭstrio; sen tio estas iluzia la libereco kiun oni volus starigi en haveno Antivavi.

« La definitiva anekso de Bosnio-Herzegovino multe fortikigas ĝian pozicion en Adriatika maro kaj faciligas la eblan programon malhelpi la starigon de granda Serbia ŝtato. Neniam, Aŭstrio vidis volonte la eblecon de la starigo de granda Serbia ŝtato. Posedi Bosnio-Herzegovinon estas do granda almilitado por nia interligito, kiu havas notindan gravecon ne nur pri la ekvilibro en balkana duoninsulo, sed ankaŭ en Aŭstria-Hungaruja politiko.

« Mi estas, en tiaj kondiĉoj, malkaŝe kontraŭa al la Aŭstria agado, kaj mi demandas min: - Kiel ni ne kontraŭstaris ĉi tiun agon? Iuj respondas: — Pro tio ke ni ĝin opiniis neevitebla. Mi anstataŭe respondas: — Pro tio ke Italujo ne povis efiki aparte kaj malsimile de aliaj potencoj... . Kaj konkludas jene: « Mi kaj miaj amikoj volas resti, *malgraŭ ĉio* fidelaj al la triobla interligo; *malgraŭ ĉio*, malgraŭ ke tiu ĉi fideleco kiun mi volas konservi fariĝas de tago al tago pli malfacila.

« Kaj tiel ne devus esti. Mi ne plendas nur pri la malbonaj traktoj aŭ ofendoj faritaj al miaj samnacianoj loĝantaj en Aŭstrio kaj pri la malrajtaj venĝoj kontraŭ ni. Mi ankaŭ plendas kaj priokupas min pri la mezuro neordinara kaj malmodera per kiu nia interligito akcelas sian armadon. La situacio ne estas ĝoja kaj rozkolora; ĉiumaniere mi antaŭvidas la tagon kiam inspiritaj de l'ekzemplo de S-ro Aehrenthal diros ankaŭ ni: Helaj interkonsentoj, longa amikeco! aŭ ĉesigu la staton pro kiu Italujo nun estas en situacio timi militon nur de sia interligito..., aŭ tiu situacio ne ĉesas — ni sincere bondeziras ke tio ne okazu — kaj ni tiam ambaŭ resekvos nian vojon; ĉi tie mi opinias ke ni ĉiuj akordiĝas por ke la registaro petu fine al la nacio novajn oferojn por prepari sian defendon. »

La alparolado ricevis multajn aplaŭdojn kaj l'entuziasmo ne kostas tro multe da ofero. Sciu, karaj Samideanoj, ke Italoj amas patrujon sed pli multe sian haŭton kaj la trankvilan vivon kaj ke kiun ajn eksplodon aŭ strangaĵon ili faros, post ne longe ili kvietiĝos kaj metos multan akvon en la vinon.

A. TELLINI.

## SVEDUJO

Bengstsfors, decembro 1908.

*La provinco Dalsland.*

Oni ofte diras ke la provinco Dalsland en Svedujo estas tre malmulte favorata kaj ankaŭ, ke ĝi sin trovas en multaj rilatoj iom poste. Tamen la norda parto de la provinco estas unu el la plej belaj partoj de Svedujo kaj kiam, antaŭ kvardek jaroj, la tiel nomata kanalo de Dalsland fariĝis preta, tiu komunikejo estis multa okupata por turisma celo de en- kaj eksterlanduloj.

Oni povis vojaĝi de Gotenburgo ĝis Norvegujo preterpasante la grandiozan akvofalon Trollhättan kaj pasinte la grandan lagon Weneru, oni ĉe Köpmannabro eniĝis la provincon Dalsland kaj la kanalon de Dalsland, konstruitan de Nils Erikson.

Ĉe Hofverud, parto de la kanalo konsistas el fera fluilego, tra kiu la ŝipoj iras de unu bordo de la rivero al la alia super la falo kaj pasinte la grandan falon Laŭgad, oni baldaŭ eniĝas la la lagon Laxsjön (Lago de Salmoj kaj aperas antaŭ la vojaĝanto la duoninsulo Buldersnäs, eble la plej bela loko en Svedujo; ĝi estas posedata de la eminenta direktoro Liljcquist kaj estas dirite, ke baldaŭ stariĝas tie turista hotelo.

Pasinte Billingsfors kaj Baugtsfors, oni sin trovas en la suda fino de la 40 kilometroj longa sed tre mallarĝa lago Lelängen kaj suprenveninte ĉe Lennartsfors, ĉe la norda fino de la sama lago, oni atingis la plej altan parton de la vaporŝipa vojaĝo, la grandan lagon Stora Le kies bordoj konsistas parte el norvega tero. De Lennartsfors oni atingas post klekhora vojaĝo. Ed, nune stacio ĉe unu el la ĉeffervojoj inter Svedujo kaj Norvegujo.

Nuntempe la fervojoj multe ŝanĝis la direkton de la turistaj vojoj, sed venas la tempo, kiam la Esperantistoj sekvos sian Majstron al Kristiana, kien li pli malpli frue devas vojaĝi, por ricevi la popolinterfratigan premion Nubelan — ne parolante jam pri la literatura premio — tiam oni ne forgesu fari la aluditan vajaĝon, sed eble en mala direkto je la dirita. Venu tiu tempo kaj ju pli plaĉa, se la priparolita ŝanĝo de la dontempo de tiu premio, somere anstataŭ vintre, baldaŭ efektiviĝas.

Sed ĉu la Esperantistoj devus pripensi havi antaŭe „akceligan" kongreson en la dirita urbo aŭ ĉu rekompenco al D-ro Zamenhof, estas ankoraŭ pli firma?

K. W.

# La Faktoj

*9 Decembro.* — *Romo.* — Fermo de Kongreso pri popolaj bibliotekoj.

*Lange* apud Hyères. — Terura dinamiteksplodo.

*10. Romo.* — Eksiĝo de generalo Segato, subministro de l'milito.

*Stokolmo.* — La akademio de sciencoj difinas tiele la Nobelajn premiojn: por la ĥemio al Rutherford el Manchester; por la fiziko al Lippman el Parizo; por la medicino al Metschnikoff el Parizo kaj al Ehrlich al Frankfurto; por la literaturo al Ecken el Jeno; por la paco al Fedriko Bayer (Danujo) kaj al K. P. Arnoldson (Svedujo).

*11. Parizo.* — Alveturo de Castro, prezidanto de Venezuelo.

*12. Basobifpo.* — Terura diamanteksplodo mortigas centon da personoj.

*13 Romo.* — Pio Xª partoprenas la kunsidon de la rita kongregacio por aprobi la miraklojn de multaj beatigotaj inter kiuj Johanino d'Arko.

*14. Romo.* — Mortas Mourawieff, rusa ambasadoro.

# Revuo de l'Jaro 1908

Maltrankvila, febra, minaca estis la jus finita jaro 1908. Ofte oni povis timi, ke eksplodos la bruo de la kanonoj, ke la kaŝajn interparoladojn de la diplomatoj anstataŭos alia pli timiga lingvo. Feliĉe, pluan fojon, la pesimistoj ne estis pravaj: la paco estis konservata, sed, pli ol iam montriĝis la danĝeroj de la nuna politiko internacia.

Maroko kaj Oriento estis la minacaj punktoj, al kiuj direktiĝis la publika atento. « Restarigi la ordon », estis, oni oni rememoras, unu el la taskoj de la francaj korpusoj senditaj Marokon. Pro tio ili devis batali longajn semajnojn kaj fine sukcesis al tio, ke ĝuste tiu sultano, kiu estis favora al Francujo, estis anstataŭigita de alia, kiu estis vokinta la Marokanojn al la sankta milito kontraŭ la invadantoj. La nova sultano, Moulaï Hafid, cetere ne ŝajnas tre certa pri sia nove akirita trono; li atendas ĝis li estos oficiale konsakrita de la grandaj regnoj kaj tiam povos peti de ili monon, ĉu por restarigi la ordon, ĉu por konservi sian postenon. Dum tiu restarigado de l'ordo Maroko servis al la ĉiulandaj politikistoj kiel bonega fonto de arte forĝitaj malkonsentoj, tiom pli facile kreeblaj, ke ĉio okazanta en tiu lando estas konfuzega. La aresto de kelkaj francaj forkurintoj en Casablanca estis kaŭzo de grava diplomata batalado inter Franca kaj Germana registaro pro subtila formulo, pri kiu oni feliĉe interkonsentis. Sed ĝis la momento kiam la Eŭropaj regnoj bonvolos ĉesigi la enpenetrigon de la civilizado en Marokon per la pafilo kaj la financaj ekspluatistoj, tiaj disputoj ĉiam reokazos.

La sama politiko estis unu el la kaŭzoj de la renoviĝo de la Orienta demando. Jam de kelkaj jaroj la Aŭstria registaro senbrue laboris por la pligrandigo de la Aŭstria influo en Balkanujo. La lasta celo estas la haveno Saloniko kaj por, unue, ekonomie invadi la diritan teritorion, ĝi uzis tiun modernan penetrilon, kiu estas nomata fervojo. La konstanta revolucia stato de Makedonujo faciligis tiun entreprenon. Malgraŭ la protestoj de la Balkanaj regnoj kaj de Italujo, la Aŭstria influo senteble pligrandiĝis en Balkanujo. Sed io neantaŭvidita jus plene ŝanĝis la situacion, nome la venko de la jun-turka partio en Turkujo, kies konsekvenco estis restarigo de la Parlamento kaj grava movado de nacia reviviĝo. La demando pri reformoj en Makedonujo estis forlasita; montriĝis, ke la Turka imperio intencas plene renoviĝi. Tio estis haltigo de la Aŭstria enpenetrado kaj grava bato al ĝiaj ambicioj. Por kompensi tiun perdon kaj aliparte malhelpi, ke la renovigaj ideoj, kiuj agitis Balkanujon, ankoraŭ penetru ĝian propran teritorion, la Aŭstria registaro, inspirita de barono Aerenthal ne timis subite rompi la solene voĉdonitan traktaton de Berlino kaj aneksi Bosnion kaj Herzegovinon, kiu laŭ komplika solvo ŝatata de diplomatoj, apartenis al Turkujo, sed estis administrita de Aŭstrio. Samtempe, uzante la malfacilan situacion de Turkujo, Bulgarujo proklamis sian absolutan nedependecon kaj Kreto sin aneksis al Grekujo. Momenton, oni povis timi, ke Turkujo, morale apogita de aliaj regnoj, ekmilitos, sed tiun por ĝi danĝeran paŝon ĝi saĝe ne faris. La rilatoj kun Bulgarujo eĉ rapide pliboniĝis, sed male la Aŭstria komercistaro kaj financistaro tre multe perdis pro la bojkotado de la Aŭstriaj komercaĵoj en Turkujo. Plie, Serbujo kaj Montenegro, rase solidaraj kun la aneksita loĝantaro de Bosnio, energie protestis kontraŭ la Aŭstria politiko kaj la eksciteco de la tieaj loĝantaroj estis tia, ke milito ne estis senfunda hipotezo. La slavaj Balkanaj elementoj cetere trovis apogon, pli moralan ol materialan, ĉe Rusujo kaj pere en Britujo kaj Francujo, dum Germanujo fidele staris flanke de sia kunligito. En Italujo, malgraŭ la traktato kun Aŭstrio, atentinda opinia movado manifestiĝis kontraŭ la Aŭstria registaro. Estis pli dube ol antaŭe, ke Italujo daŭros partopreni en la triobla kunligo. En Turkujo mem, la Germana influo estis anstataŭita de la Brita kaj Angla, pro la responda ŝanĝo en la registaro. Tuj post la anekso de Bosnio, iuj parolis pri konferenco Eŭropa por reguligi la situacion (?). Regas plena necerteco ĉu ĝi okazos aŭ ne. Kio ajn estas, Serbujo kaj Montenegro, ne enkalkulante Turkujon, postulas de la estonta konferenco necesajn kompensaĵojn. Aliflanke Aŭstrio kaj Bulgarujo nenion cedos. Belajn tagojn rezervas al ni la diplomataro, kiam ĝi volos leĝofari pri tio..

El la cetero de la internacia politiko estas citindaj nur kelkaj sensaciaj interviuvoj de imperiestro Vilhelmo, rapide finita konflikto inter Japanujo kaj Ĥinujo, reamikiĝo de Usono kun Japanujo, firmigita per traktato, konflikto inter Holando kaj Venezuelo, kaj, en Eŭropo, la vizitoj de prezidanto Fallières al Britujo kaj de reĝo Edvardo al Caro — kio estis okazo por paroleti pri nova triobla kunligo, kiu cetere ne realiĝis.

***

La interna politiko ne estis malpli aktiva, tiom pli ke ĝi tre ofte estis influita de la eksterlanda politiko. Precipe en Germanujo la sinsekvaj interviuvoj, leteroj kaj aliaj manifestoj de imperiestro kaŭzis ĝis nun ne konstatitan protestadon de preskaŭ ĉiuj partioj. La publika opinio laŭte postulis, ke la eksterlanda politiko estu zorgata de kanceliero, respondebla antaŭ la popola reprezentantaro. Kanceliero von Bülov, kiu en la okazo estis defendanto de la publikaj deziresprimoj, havis solenan renkontiĝon kun la imperiestro; de ĝi rezultis promesoj, kiuj kontentigis nur kelkajn partiojn.

En Aŭstrio, denove okazis intergentaj aŭ interrasaj bataladoj, en Bohemujo, Galicio kaj Ilirio, plej ofte pro lingvaj malkonsentoj. Dum Aŭstrio celas plivastiĝi, ĝiaj internaj partoj senĉese malpacas.

En Britujo, la ĉefministro Campbell Bannermann estis anstataŭita de Asquith. La liberala partio havis vivon iom malfacilan. La plej multaj reformoj, akceptitaj de la Deputataro, estis rifuzitaj de la Nobelaro; pro tio la movado malfavora al tiu lasta ĉambro pligrandiĝas kaj oni postulas ĝian reformiĝon. Aliparte daŭras la agitado por la virina balotrajto kaj por efika helpado al la senlaboruloj, tre multaj en la grandaj industriaj centroj. En Hindujo okazis diversaj rapide finitaj ribeloj kiuj tamen estas ekdanĝero por tiu vasta kolonio.

Francujo havis politikan vivon sufiĉe trankvilan. Ministraro Clemenceau venke kontraŭbatalis ĉiujn atakojn kaj surprizojn. La solaj gravaj faktoj estis la diversaj konfliktoj kaŭzitaj de la Laborista Konfederacio kaj la enkarcerigoj de la ĉefaj antipatriotoj — nova kaŭzo de manifestado.

En Rusujo multaj tumultaj kunvenoj de la regna Dumo sen praktikaj rezultatoj. Aliparte daŭras la politikaj ekzekutoj, pafadoj kaj enkarcerigoj. La lando estas en kvazaŭa konstanta milita stato. Neniu scias, kiel tio finiĝos, ĉu per revolucio, ĉu per evolucio simila al tiu de Turkujo.

Post longaj diskutoj, Belgujo fine decidis aĉeti de sia reĝo la vastan kolonion de Kongolando, kiun ĝi promesis pli bone administri. En Portugalujo, la diktatoreco de ministro Franco finiĝis per sanga tragedio: la reĝo kaj la kronprinco estis inside mortigitaj; kun la nova reĝo restariĝis la Parlamento, sen alia ŝanĝo en la politikaj moroj. Usono vidis la kutiman bataladon por la balotado de la prezidanto, kiu rezultis en tion, ke la respublikana kandidato — favorata de prezidanto Roosevelt — estis balotita per grava plimulto. Laŭ la tradicio, la negra respubliko de Haiti forsalutis sian prezidanton per pafoj kaj kanonoj. Fine, en Persujo, jam de kelkaj monatoj daŭras revolucia stato post parlamenta provo, perforte finita de la regnestro. Pli feliĉaj, la aliaj popoloj ne havis sensacian okazintaĵon...

***

Pli gravaj ol la plej multaj supre rememorigitaj okazintaĵoj, pri kiuj baldaŭ silentos la mondo, pli gravaj rilate al la pliproksimiĝo de la popoloj, estas la mirindaj progresoj de la aerveturada scienco. Jaro 1908 vere signis la komencan praktikan efektiviĝon de tiu miljara revo. Zeppelin en Germanujo, Wright en Usono kaj Francujo, Farman kaj jam multaj aliaj pruvis per la fakto, ke la aerveturada demando estas solvita. En ĉi tio ĉefe estas la merito de la jaro 1908ª kaj tio sufiĉas por ĝia gloro kaj rememorindeco.

***

Bedaŭrinde, la jaro 1908, lastatage, deziris sin eternigi alie: terurega katastrofo, kiu ŝajnas superi la plej grandajn malfeliĉojn de la historio, frapis sudan Italujon kaj Sicilion. Pli ol cent mil homoj pereis en la tertremo, kiu ruiniĝis tiujn kompatindajn regionojn, kaj miloj da aliaj nun kuŝas en la plej profunda mizero. Meze de tiu senekzempla doloro kaj de la grandioza intergenta solidareco, kiun naskis tia katastrofo, malĝoje komenciĝas 1909.

A. R.



*Londono.* — Deputataro aprobas leĝon pri 8 horoj de laboro de ministoj.

*Puerto Cabello.* — Holanda Krozŝipo „ Gelderland " kaperas la venezuelan ŝipon por la defendo de l'marbordoj „ Alix ".

*Konstantinoplo.* — Divizia generalo Ahmed Feizi estas elektita valio kaj milita komandanto de Tripolo.

*Parizo.* — Deputataro deklaras francaj kolonioj la insulojn Anjouan, Mohilla kaj Granda-Comore.

*15. Parizo.* — Inaŭguro de ekspozicio de italaj pentristoj.

*Novjorko.* — Kanadiano Longboat venkas en konkurso de kurado Dorandon Petri.

*16. Romo.* — Inaŭguro de kongreso pri dermatologio.

*17. Konstantinoplo.* — Malfermo de la deputataro.

*Peterburgo.* — Eksiĝo de prezidanto de la Dumo, Komiakoff.

*Lisabono.* — Admiralo Ferreira do Amaral, unua ministro, eksiĝas kun la tuta ministraro.

*18. Trapano.* — Mortas la fama skermisto Turillo di San Malato.

*Porto Princo.* — La Kongreso unuvoĉe elektas generalon Simon kiel prezidanto de Haitia respubliko.

*Le Mans.* — Wilbur Wright flugas per sia aeroplano ĝis alteco de 120 metroj

*19. Berno.* — La Parlamento elektas Deucher kiel prezidanton de la Konfederacio por 1909.

*Chambery.* — Mortas kardinalo Lecot.

*Bruselo* — La riprezentantoj de la nacio aprobas la leĝon kiu donas al la virinoj la rajton voĉdoni en la laboraj konsilantaroj.

*21. Kairo.* — Kediveo inaŭguras la novan egiptan universitaton.

*Tolono* — Fermo de l'internacia Kongreso de l'olivkulturistoj. L'estonta Kongreso okazos en Romo en 1911.

*Lalz.* — Terura brulado detruas la teatron. Neniu mortinto.

*Caracas.* — Prezidanto de Venezuelo, Castro, estas eksigita.

*22. Caracas.* — Vicprezidanto de Venezuelo, generalo Gomez, starigas novan ministraron.

*24. Parizo.* — La deputataro aprobas monhelpon da 20.000 ₷ por la polusa ekspedo de Charcot.

*Peterburgo* — Oni publikigas la respondon de Rusujo al Aŭstrio-Hungarujo pri Bornio-Herzegovino.

*26. Parizo.* — Atako kontraŭ prezidanto Fallières.

*25. Santiago* (Ĉilio). — Inaŭguro de scienca tutamerika kongreso.

*26. Lisabono.* — Campos Enriquez starigas novan ministraron.

*28. Sicilio kaj Kalabrio.* — Terurega tertremo ; ĉirkaŭ 100,000 mortintoj.

A. TELLINI.

# Niaj enketoj

VI.

## Juĝa organizado

### (Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj)

### La Juĝa organizado en Usono [1]

Procesoj devenantaj de la konstitucio, la leĝoj, kaj la traktatoj de Usono estas precipe tiuj en kiuj al persono estas donata rajto sole de la konstitucio kiun li ne posedas laŭ sia ŝtatleĝaro, ekzemple, rajto procesadi kontraŭ la malrespektantoj de sia patentrajto, aŭ kontraŭ iu malobeanta la leĝojn de Kongreso aŭ traktato, ekzemple por falsigo de moneroj, pro kontrakto kontraŭ traktato, aŭ kiam iu demando troviĝas pri la senco kaj signifo de la esprimoj de la konstitucio, la leĝoj aŭ traktatoj. Sed la juropovo ĉiam troviĝas kiam leĝo kontraŭas la konstitucion. En ĉiuj gradoj de procesoj ne estas grava ĉu la procesantoj estas loĝantoj de la sama ŝtato La juropovo estas rezervata al la naciaj kortumoj por du kaŭzoj : unue por ke, en la tradukado kaj klarigado de la naciaj leĝoj ĝi ne povos dependi sole de la ŝtatoj ; due, por ke la klarigado estu uniforma tra la lando. En procesoj pri fremdlandanoj la juĝpovo juste apartenas al la naciaj kortumoj, por tiu kaŭzo ke se fremdlandano estus, ekzemple, vundita en Usono, la nacio kaj ne la ŝtato devas fari rekompencon por la afero. Kaj kiam la fremdlandano estas ambasadoro aŭ alia ministro, la nacia plejsupera kortumo havus juropovon. Juropovo koncernanta maraferon kaj ŝipaferon kaj pri la bankroto estas ankaŭ rezervata al la naciaj kortumoj pro tio ke la procesoj ĉi tiaj ofte koncernas fremdlandanojn. Alia kaŭzo estas ke la juro pri maraferoj kaj ŝipaferoj estas parto de la regulado pri la komerco kiu laŭ la konstitucio mem estas klare detenita de la ŝtatoj kaj donita absolute al la Usona kongreso.

La tria rango de procesoj en kiuj la naciaj kortumoj havas juropovon estas kiam la procesantoj de ambaŭ flankoj, plendanto kaj defendanto estas aŭ du aŭ pli malsamaj ŝtatoj aŭ loĝantoj de malsamaj ŝtatoj. La tutnaciaj kortumoj sole devas aljuĝi procesojn inter du aŭ pli ŝtatoj tial ke la hejma trankvileco devigas ke la disputoj inter du ŝtatoj estu paceme deciditaj de komuna juĝistaro kaj pro tio ke en vera lando la justeco ne devas dependi de la volo de unu aŭ alia de la procesantoj. La kortumoj devas ankaŭ decidi disputojn inter ŝtato kaj loĝantoj de alia ŝtato. Ili povas aljuĝi diferencojn inter ŝtato kaj loĝantoj de alia ŝtato pro tio ke se ŝtato (kiu signifas la tutan ŝtatanaron) havus demandojn kontraŭ loĝantoj de alia ŝtato estas tiam pli bone ke tiu ŝtato procesu en tutnacia kortumo ol en ŝtato en kiu la loĝantoj apartenas, tiamaniere la danĝero de incitoj kaj malkomprenaĵoj estas foriĝita. Ili ankaŭ devas decidi disputojn inter loĝantoj de la sama ŝtato kiam ili pretendas esti ricevintaj terproprajojn sub disdonoj de diversaj ŝtatoj pro tio ke la rajtoj de du ŝtatoj disdonadi terajojn bezonigas aljuĝon kiu devas deveni de kortumo nek en unu aŭ la alia de la procesantoj. Per tiu klarigo pri la juĝa organizado de la tutnaciaj kortumoj oni vidos ke ĉiu ŝtato en Usono estas memstara, kaj la escepto fariĝas ordinare kiam ni memoras ke kun la alpreno de la nacia konstitucio kiel la fundamento de la leĝaro ĉiu ŝtato submetas parton de ĝia leĝpovo al la nacia registraro. Ili estas fordonintaj siajn leĝpovojn nur rilate al la naciaj publikaj aferoj kun aliaj nacioj kaj al la juĝaferoj rezervataj de la konstitucio sole al la naciaj kortumoj Tial la tutnacia registaro estas sole la registaro de Usono sub la internacia leĝo kaj la diversaj ŝtatoj, de privata internacia leĝaro.

Oni povas fiere konstati tial ke per tiu ĉi jurarango kiu sin trovas en Usono prezentiĝas al ni la eksterordinara vidaĵo de du aŭ pli memstaraj ŝtatoj kun memstaraj leĝoj kaj juĝistaro, submetantaj iliajn disputojn al klerula kaj fama tribunalo por laŭorda kaj paca finprovo, tiel antaŭvidantaj la sonĝon de universala kortumo de apelacio por ĉiuj nacioj. Kiam fariĝos tiu bela transformiĝo en la juĝa sistemo de la civilizitaj nacioj por ke la demandoj de internaciaj disputoj estu aljuĝataj de Kortumo Arbitracia tiam nova vera epoko sintrovos La societanoj de la I. S. E. J, kaj iliaj postaj samsocietanoj havos multe labori pri ĉi tiu celo tiel efektive realigitaj de la Unuigitaj ŝtatoj de Usono.

La plejsupera kortumo de Usono kunsidas ĉe Washington kaj konsistas el unu ĉefjuĝisto kaj ok kunsidantaj juĝistoj. La juropovo estas precipe apelacia. La juropovoj de la aliaj Usonaj kortumoj kovras ĉiujn procesojn, leĝajn kaj ekvitajn Ekzemple la „ circuit " kortumo plej alta el la „ district " kortumo aljuĝas aferojn leĝajn kaj ekvitajn kiam la loĝanto de diversaj ŝtatoj disputas, kaj pri konstituciaj demandoj kaj klarigoj sed ordinare nur kiam la disputo koncernas 2000 dolarojn. Gi ankaŭ havas juropovon en ĉiuj kriminalaj procesoj. En ĉiu circuit estas unu juĝejo apelacia por apelaciaj aferoj sole. Tiu jurpovo estas fina, sed ne atingas procesojn, al jureraroj sub la nacia konstitucio. Tial estas du gradoj de juropovo : originala kaj apelacia. Originala juropovo estas povo aljuĝi demandojn de la komerco mem. Se procesanto povas komenci sian proceson en circuit kortumo ekzemple, tiam tiu kortumo havus juropovon originalan en la proceso. Se li ne povas porti sian proceson en la circuit kortumo antaŭ ol havi ĝin decidita en malsupera kortumo, tiam tiu kortumo havus apelacian juropovon. La rajto apelacii de la district al la circuit kortumo fariĝas kiam la aferoj disputotaj koncernas valoron da 500 dolaroj aŭ plu. Same, rajto apelacii de la circuit al la plejsupera kortumo de Usono troviĝas nur kiam 5000 dolaroj estas en disputo. Nenia tuja proceso povas esti portata kontraŭ la Unuigitaj ŝtatoj de Ameriko, de ŝtato aŭ loĝanto de ŝtato sen la aŭtoritato de speciala leĝo de Kongreso. Sed en 1855 la nacia kongreso kreis kortumon nomitan „ kortumon de mondemandoj " en kiuj tiuj havantaj mondisputojn kontraŭ Usono mem povas pledigi sian proceson per la ordinaran proceduro. La mondemando prezentiĝas al la kortumo per petskriko pritraktanta pri la detaloj kaj deveno de la mondemando. Se decido estas farata en favoro de la procesanto Kongreso faros rekompencon. Advokato nomita la „ solicitoro de Usono " venas antaŭ la kortumo por la registaro.

*(Daŭrigota).*

William E. BAFF, *advokato*,
Worcester, Mass. (U. S. A.).

1) Vidu ESPERANTO, Nº 44.

# Vivo Internacia

# La Aerveturado dum 1908

*Aerŝipoj ; Flugmaŝinoj ; Estonteco.*

La jus finita jaro povos esti prave konsiderata kiel epokfarinta en la historio de aerveturado Antaŭ ol la novaj de ĉiuj antaŭvidataj progresoj forgesigos la unuajn paŝojn, konvenas mallonge rememorigi pri la ĉefaj aerveturadaj okazintaĵoj dum 1908 kaj difini la bilancon de la jusa jaro rilate al la konkesto de l'aera imperio. Kiel ĉiuj scias, la aerveturaj aparatoj estas divideblaj laŭ du kategorioj plej facile distingeblaj : la aparatoj pli malpezaj ol la aero aŭ aerŝipoj, kies patro estas la ronda balono, la aparatoj pli pezaj ol la aero aŭ flugmaŝino, kies naskinto estas la kajto (flugludilo).

En la lasta jardeko, la malmultaj kuraĝuloj, kiuj sin okupis pri aerveturado, preskaŭ ekskluzive celis la aerŝipon. La aerveturado per la flugmaŝino, malgraŭ la sukcesaj eksperimentoj de Lilienthal, Ader kaj aliaj, estis rigardata de multaj kiel utopio aŭ ĉiuokaze kiel malproksima eventualaĵo, kvankam estas nun pruvite, ke jam en 1903 fratoj Wright flugis antaŭ multaj atestantoj — fakto, kiu en Eŭropo ŝajnis tiel stranga, ke neniu ĝin kredis. Male, 1908 vidis la triumfon de flugmaŝinoj kaj montris, ke la estonteco de la aerveturado apartenas pli al tiuj facile uzeblaj kaj relative malkaraj aparatoj, ol al la pezaj kaj neoportunaj aerŝipoj Tamen, kiel la flugmaŝinoj, la aerŝipa veturado realigis gravajn progresojn, kiujn la mirindaĵoj de la homo-birdo ne devas forgesigi

La aerŝipojn oni siavice povas apartigi en du klasoj ; laŭ la solvo, kiun ricevis la demando pri rigideco : ĉe unuj al la balono mem estas aldonata interna kompensa baloneto, kiu konstante ricevas aeron per pumpilo ; ĉe la aliaj, la gasujo estas protektata de aluminia trabaĵaro kovrita per ŝtofo, tiel ke la volumeno restu konstanta, sen la bezono de kompensa baloneto Al la unua tipo apartenas ĉiuj francaj aerŝipoj, *Patrie*, forfluginta en 1907, *République*, *Ville-de-Paris*, *Clément-Bayard*, *Lebaudy*, k. a. ; en la daŭro de 1908, ĉiuj tiuj aerŝipoj plenumis sukcesajn eksperimentojn kaj kelkajn vojaĝojn ; al la sama tipo apartenas la germanaj direkteblaj balonoj de Majoro *Gross* (germana stabo) kaj de *Parseval*, kiuj faris sukcesajn eksperimentojn, ne sen akcidentoj, kaj la militaj aerŝipoj provitaj en Italujo kaj Hispanujo. La dua tipo estis elpensita de grafo Zeppelin, kiu estas unu el la plej bravaj pioniroj de aerveturado. Jam de 1899, Zeppelin konstruis unuan aparaton, en kiu la demando pri rigideco estis solvita kiel supre dirite. Tiuj eksperimentoj ne havis grandan sukceson, sed li obstine daŭrigis sian laboradon ; li sinsekve konstruigis kvar aerŝipojn preskaŭ similajn. Al la kvara estis rezervita granda gloro kaj maldolĉa fatalo. En junio, Zeppelin rekomencis siajn eksperimentojn kun sukceso. La registaro promesis aĉeti la aerŝipon, kondiĉe ke ĝi plenumos vojaĝon da 800 km. dum 24 horoj Tiu granda vojaĝo, sekvanta kelkajn sukcesajn vojaĝetojn ĉirkaŭ Friedrichshafen, okazis la 5an de aŭgusto. Zeppelin sekvis la Rejnon, naĝis super Bazelo, Strasburg, Mannheim, kie lin akceptis ĝenerala entuziasmo. Unu fojon, la balono devis reveni teren ; la duan fojon ĝi alteriĝis en Echterdingen. sed dum la nokto okazis ventego, la ankroj elŝiriĝis ; la balono en daŭro de kelkaj minutoj forbrulis post vojaĝo de 800 km. Tiu fatato kaŭzis en tuta Germanujo grandiozan movadon ; tuj organiziĝis monkolekto por konstrui novan Zeppelin En kelkaj semajnoj pli ol 3.000.000 ₷ estis ricevitaj, el ĉiuj fontoj : urbestraroj, industriistoj, societoj, privatuloj eĉ neriĉaj. Zeppelin rekonstruis aerŝipon, kiu la 21an de oktobro eksperimentis antaŭ la kronprinco, pli malfrue antaŭ la imperiestro ; la aerŝipo estos aĉetata de la ŝtato kaj la milionoj kolektitaj estas uzataj por konstrui aerŝiparon kaj aerŝipejojn ; oni jam parolas pri aerveturaj linioj por vojaĝantoj. La supra resumo montras kiom da progresoj efektiviĝis la aerveturado per aerŝipo, kiu estas nun sur la praktika kampo.

Sed, ankoraŭ pli rimarkindaj estis la progresoj de la aerveturado per flugmaŝino. Jam de 1903, Orville & Wilbur Wright eksperimentis plensukcese en sia lando kaj estis sinsekve plenumintaj flugojn da 266 m. en 59 sekundoj (1903), 17 km. 961 en 18 m. 9 s. (26 sept. 1905), 24 km. 535 en 25 m. 5 s. (30 okt. 1905), 38 km. 956 en 38 m. 3 s. (5 okt. 1905). Tiuj rezultatoj estis mirindaj, tiel mirindaj, ke en Eŭropo, preskaŭ neniu kredis ilin ; la fratoj Wright estis konsiderataj kiel jonglistoj kaj « blufistoj ». Unu el la elpensintoj, Wilbur, estis vokita en Francujo por eksperimenti. La 8an de aŭgusto, la unua flugo estis konstatita en Le Mans ; ĝin sekvis multaj aliaj kaj ĉiu el tiuj flugoj estis monda rekordo. Neniu jam dubis pri la flugebleco de la aparato de Wright. Jen la ĉefaj rekordoj, kiuj ekscitis ĉiean famon : 19' 48" (5 septembro), 36' 14" (15 sept.), 54' 3" (24 sept.), 1 h 31' 25" (21 sept.), 1 h 9' 45" (rekordo de flugo kun du personoj), 1 h 53' 59" (99 km., 18 decembro, Monda rekordo), 110 m. (rekordo de alteco, 18 dec.). Wright gajnis 200,000 ₷ el la komitato Weiller, kiu lin invitis Francujon, kaj diversajn aliajn premiojn. En Usono mem, lia frato Orville faris sukcesajn eksperimentojn, sed ilin interrompis grava akcidento.

Siaflanke la aerflugantoj francaj ne estis senagaj. La 13an de januaro H. Farman, gvidanto de la aparato konstruita de fratoj Voisin per duplata flugmaŝino faris rondflugon da 1 km. 500 en 1' 28" kaj gajnis la premion Deutch-Archdeacon da 20.000 ₷. Alia franca aerfluganto L. Delagrange, la 11an de aprilo, flugis dum 3 km. 925 en 6' 30" ; la sama, en Romo, la 31an de majo flugis dum 12 km. 750 en 16' 25" kaj en Milano 17 km. en 16' 30" kaj 17 km. en 18' 30". Poste Farman gajnis la premion Armengand, la 6an de julio, post flugo da 25 km. en 20'. Dum la interrompo de la eksperimentoj de Farman, Wright venis en Francujon kaj triumfis kiel dirite. Sed la batalo ne estis finita : Farman, la 29an de sept., flugas 42 km. en 43', kaj la 30an de oktobro — memorinda dato — plenumiĝas la unua aervojaĝo el urbo al alia : Farman, en 20', flugis de Châlons ĝis Reims kun rapideco da 75 km. hore ; tuj poste, alia fama aerflugisto, Bleriot, per unuplata tre simpla aparato, flugis el Toury ĝis Artenay kaj revenis al Toury, nur per aera vojo farante ir-reiran vojaĝon da 28 km. kun rapideco de 85 km. hore. Tiuj rezultatoj estas mirindaj ; ili montras, ke la problemo estas solvita kaj la homo estas kapabla ankaŭ estri la aeron ; al la industrio apartenas nun la tasko perfektigi la nunajn aparatojn kaj ilin disvastigi. Jam ĉiuflanke aperas novajn eksperimentantoj ; direktistoj instruiĝas ; mono ne mankas. Se oni povas juĝi laŭ la rapidegaj progresoj de aŭtomobilismo, post dek jaroj flugmaŝinoj estos jam enkondukataj en la praktikon.

Ekzistas ĉe flugmaŝinoj kiel ĉe aerŝipistoj du skoloj : al la unua apartenas la francaj modeloj de Voisin, la aparato havas kvazaŭan voston dank'al kiu la laŭlonga staremeco estas aŭtomate ricevata ; al la dua tipo apartenas la amerikaj modeloj de Wright : la aparato ne havas voston, la staremeco estas ricevata per manovro de la profundeca direktilo. Ambaŭ sistemoj havas siajn fervorajn partianojn kaj siajn... venkojn. La flugmaŝinoj estas ankaŭ divideblaj laŭ la platoj ; ili estas aŭ unuplataj (Bleriot), aŭ duplataj plej ofte (Delagrange, Wright, Farman), aŭ eĉ triplataj (Farman).

***

La progresoj de aerflugado en Francujo havis kiel konsekvencon la kreon de aerveturada ligo, al kiu estis donacitaj tre multaj premioj por la estontaj rekordoj ; ilia tuteco atingas jam 500.000 ₷ kaj kun la registaraj monhelpoj, oni povas diri, ke nur en Francujo 1.000.000 ₷ atendas la aerflugantojn. La aliaj landoj vekiĝas ankaŭ tiel ke oni povas esperi, ke 1909 rezervas al ni multajn surprizojn. Estas malfacile difini kiam la komuna mortemulo povos uzi tiujn aparatojn por vojaĝoj de loko al alia ; sendube kelkaj jaroj de provoj estos ankoraŭ necesaj, sed, ĉu post kvin jaroj, ĉu post dek, la flugmaŝino estos certege veturilo uzebla de ĉiuj. Tiel, pli kaj pli malgrandiĝos la mondo : en malmultaj horoj la turisto povos veturi de Berlino al Parizo kaj en la sama tempo, kiun li uzis por iri de Parizo al Londono, li povos sin transportigi de Parizo ĝis Rusujo... Eŭropo, kiu jam nun staras rilate al la komunikiloj kiel Francujo aŭ Britujo ankaŭ cent jaroj, aperos pli kaj pli malvasta, kaj samtempe pli kaj pli vasta aperos la ridindeco de la landlimoj interne de tia malgranda lando, kaj la diverslingveco kaj la diverssistemeco, kiun iuj kreis por eternigi la naciajn barojn, iom post iom foriĝos sub la premo de la fatalo, malgraŭ la registaroj, malgraŭ la leĝaj baroj. La tero plimalgrandiĝas ; ankaŭ plimalgrandiĝu la gentaj baroj kaj malamoj kaj por tio Esperantistoj konfidu ne nur al aerveturado, sed al si mem...

H. H.

## Lasthore

## GRAVA ALVOKO

*Terura, senegala, malfeliĉo frapis Sudan Italujon. En ĉiuj landoj organiziĝas mondonacadoj por laŭeble helpi, en la nomo de la internacia solidareco, la milojn da suferantoj, kiujn postelasis la katastrofo. Ni opinias, ke siaflanke la Esperantistaro, kiu antaŭ ĉio laboras por la diversgenta solidareco ne devas resti indiferenta, sed laŭ sia povo devas partopreni en tiu granda manifestado de reciproka helpemeco.* **Universala Esperanto-Asocio** *do malfermas tuj de nun ĝeneralan* **mondonacadon** *por la suferantoj de Kalabrio kaj Sicilio ; ĉiuj Esperantianoj kaj Esperantistoj estas tre petataj uzi la perecon de nia Asocio por la monoferoj, kiujn ili intencis fari. Ĉiuj donacoj, eĉ malgravaj, estos dankė akceptataj de ĉiuj* **Delegitoj & Subdelegitoj** *de U. E. A. kaj de Fako* **Financoj** *de U. E. A. ( Place de la Halle,* BEAUNE, *Côte-d'Or, Francujo).*

*Ni esperas, ke ĉiuj samideanoj respondos plej baldaŭ kaj fervore nian alvokon, tiel ke U. E. A., en la nomo de nia anaro, povu donaci al la suferantoj kiel eble plej grandan monsumon.*

*U. E. A.*

***

Ni insiste petas ĉiujn niajn Delegitojn kaj Subdelegitojn, ke :

1e — Ili bonvolu plej rapide presigi en la gazetojn de sia loko artikoleton por konigi, ke mondonacado estis malfermita kaj ĉiuj Esperantistoj estas petataj sendi siajn donacojn al la Delegito.

2e — Ili anoncu aŭ anoncigu nian monoferon en la kunvenoj de la grupoj de sia loko, afiŝigu ĉe la Esp.-Oficejoj, k.t.p., unuvorte kiel eble plej diskonigu ĝin.

3e — La Delegitoj bonvolu nepre fari la *unuan* monsendon de ĉiuj sumoj ricevitaj de ili *antaŭ la 1a de Februaro* al fako *Financoj* (Esperantio, Place de la Halle, Beaune, Côte d'Or, Francujo).

4e — La nomoj de la donacintoj aperos sur la proksima Nº de „ ESPERANTO ":

U. E. A.

# ESPERANTO

## MOVADO ESPERANTISTA

### Notindaĵoj.

*Belgujo :* Sukcesaj festoj en Antverpeno, Bruges, Moresnet, k. a. La Belga Ligo Esp. kalkulas nur 17 grupojn agemajn. — *Britujo :* Plensukcesaj paroladoj de S-ro Privat en diversaj urboj ; grandioza manifestado de la Londona Federacio Esp. en Londono (Caxton Hall) ; paroladis S-roj Hemphill, Pollen, Stead, Mudie, k. a. Novaj grupoj en Bath, Montrose, Buckurst Hill ; entute 135 el kiuj 42 fonditaj en 1908. — *Francujo :* Serio de sukcesaj paroladoj de S-ro Privat en centra kaj suda Francujo (Angers, La Rochelle, Montpellier, Béziers, Valence, k. t. p.), de S-ro Bourlet en Paris kaj Orléans, de S-ro Chavet en Sens, k. t. p. ; gravaj progresoj en la Ruĝa Kruco. — La Internacia Kongreso de klimatologio en Alger akceptis Esperanton kiel kongreslingvon. — La tezo de S-ro Corret pri Esperanto & Medicino por ricevi la doktoran titolon estis unuanime kaj gratule akceptita. — *Germanujo* S-ro Förster, prezidinto de la « Delegacia » komitato jus eksiĝis kaj restas tute favora al Esperanto La movado iras plej kontentige ; ĉie novaj grupoj kaj multenombraj kursoj precipe en Saksujo. — *Italujo :* Oni projektas la fondon de de Itala Esp. Societo ; paroladoj kaj kursoj en Firenzo. — *Polujo :* Ekspozicio kaj Esp Kongreso okazos en Czestochowa dum 1909 ; en Polujo tre atentinda movado : grupoj en Varsovio, Lodz, Czestochowa, Kielce, Siedlece, Lowitz, Zgierg, Piotzkow, k. t. p Komerca kaj junula sekcioj Esp. en Varsovio — *Sud-Ameriko :* Esperanto aperos en la Nacia Ekspozicio Brazila ; grupoj en S. Paul, Uberaba Aracajn. Fondiĝas Sudamerika Biblioteko Esperanta ; kutimaj progresoj en ĉilujo.

### Bibliografio.

*Esperantista Poŝkalendaro por 1909* (Esper.-Verlag, Berlin. ₷ 0,40). — *Poŝkalendaro por 1909* (kun antaŭparolo de H. B Mudie. - J. H. Fred, Edinburgh. ₷ 0,25). — *Kiel Neŭtra-Moresneto fariis Amikejo* (de G. Roy. - Ch. Schriewer, Moresnet-Neutre. ₷ 0.10). — *Kiel ni plibeligos la vivon* (originale verkita de „ Saĝulo ". - Esp.-Verlag, Berlin. ₷ 0,25). — *Esperantaj lecionoj per natura metodo* (632, E. Grand Ave. Des Moines Io. U. S. A. ₷ 0,10). — *Utilité et possibilité de l'adoption d'une langue internationale en médecine* (par le Dr Pierre Corret, — tezo por la medicina doktoreco — Presa Societo, Paris. - ₷ 0,10). — *Faut-il réformer l'Esperanto?* (G. Kolowrat. Paris. Presa Societo ₷ 0,10). — *Esperanto-Vespero* (muzikaĵoj kaj versaĵoj Esperante kaj ruse. - Moskva Societo Esp. - ₷ 0,20).

★

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

OFICIALA INFORMILO

## Konstanta mondonacado por U.E.A.

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭaj listoj | ₷. | 284,64 |
| S-ro Tuduri, San Sebastian | ₷. | 3,60 |
| S-ro Merkle, Tübingen | ₷. | 0 50 |
| S-ro Allard, Rotterdam | ₷. | 10.—* |
| S-ro G Wit, Rotterdam | ₷. | 6,60 |
| S-ro Zigmunt, Lwow | ₷. | 4.— |
| S-ro Carnap, Barmen | ₷. | 1,50 |
| S-ro W. Stoner, Evansville | ₷. | 0,40 |
| S-ro Marchand, Berlin | ₷. | 2,92 |
| S-ro Warden, Edinburgh | ₷. | 10.–* |
| S ro Frenkel, Evisejsk | ₷. | 1.— |
| Sumo | ₷. | 325,16 |

Ni tutkore dankas la mondonacintojn kaj esperas, ke multaj, ĉu grupoj, ĉu personoj, ilin imitos kaj bonvolos finance helpi al la disvastigo de U. E. A. La personoj kiuj pagos almenaŭ 10 ₷ estos bonfarantaj membroj de U E. A (*). Plie, ĉiuj donacoj. eĉ nealtaj, sub la nomita sumo estos danke akceptataj. Oni sendu ilin al ESPERANTIO, 8, rue Bovy-Lysberg, *Genève* (Svisujo).

### FAKO 1a. — Administrado

*Jarlibro de U. E. A.* — Ni havas la plezuron anonci al ĉiuj niaj membroj, ke la dua eldono de nia Jarlibro estas nun en presado kaj aperos en la fino de ĉi tiu monato; ĝi estas tute malsama ol la unua kaj estos multe pli plena kaj detala; ĝia enhavo estos jena: 1e) Enkonduko; 2e) Regularo de U. E. A.; 3e) Listo de la Komitatanoj, Juraj konsilantoj kaj bonfarintaj membroj; 4e) detalaj informoj pri ĉiuj fakoj de U. E A., iliaj servoj, la maniero ilin uzi; priskribo de la tasko de niaj Del., Subdel. kaj Konsuloj; konsiloj al la membroj; 6e) La rilatoj de U. E. A. kun la Esperantistaj aŭ ne-Esp. organizajoj; 7e) Plena listo de la Del, Subdel, kaj Esp.-Of; 8e) Listo de la entreprenoj, kiuj aliĝis al U E.A.; 9e Reklamoj.

Ĉiu *eldono* estos presata po diversaj *serioj* aperontaj je 100, 200 ekz En ĉiu serio estos farataj ĉiu korektoj aŭ ŝanĝoj en la teksto aŭ en la adresoj de la Del., Subd., k a.; plie sur specialajn foliojn aldonotajn en ĉiu nova serio, ni presigos la adresojn de ĉiuj novaj Del., Subdel, k a., kaj klarigojn pri la plej novaj servoj de U E A. La serioj de ĉiu eldono kostas saman prezon. Tiamaniere, en kiu ajn tempo, la mendantoj de nia Jarlibro estos certaj, ke ili posedas la plej plenan kaj fidindan libreton pri U. E. A. Fako Ia speciale zorgos, ke tiu ĉefgrava eldonaĵo de U E. A. estu konstante zorge kontrolata kaj korektata.

La anoncoj kaj reklamoj estos akceptataj por unu aŭ pluraj *eldonoj*; ĉiu eldono enhavas 500 ekz.

Oni tuj de nun povas mendi tiun Jarlibron.

*Diversaj avizoj.* — Ni iafoje ricevis el niaj Delegitoj kelkajn leterojn nacilingve skribitajn. Ili bonvolu rememori, ke nur *Esperanto* estas la *oficiala lingvo* de Esperantio, tiamaniere ke ni povu komuniki ĉiun leteron al kiu ajn fakestro, sen antaŭa traduko; ĉiuj leteroj ne Esperante skribitaj estos nepre resendataj por traduko.

Same, niaj membroj ĉiam skribu Esperante al niaj Del aŭ Subdel., eĉ se ĉi tiuj parolas la saman nacian lingvon.

⁂ La Del. kaj Subdel. bonvolu ĉiam konservi la aliĝilojn. Nur la mendilojn ili povas sendi al ni.

⁂ La loĝantoj de Rusujo, Hispanujo kaj malproksimaj landoj estas informataj, ke pro tro ofta perdo de l'sendaĵoj, ni ne plu povas preni sur nin resendi ilin senpage; ni do rekomendas al niaj mendantoj aldoni 0,10 ₷ por la rekomendelspezoj.

*Oficiala Bulteno.* — La 1a No de la *Oficiala Bulteno* de la Delegitoj, Subdelegitoj kaj Konsuloj de U E A. jus estis dissendita; ĝi enhavas cirkulerojn de Fako 1a, 6a kaj 7a; al ĝi estas aneksitaj letero por komercaj firmoj, gazetoj, societoj, k. c, kaj artikoloj por la nacia gazetaro.

*Novaj Delegitoj & Subdelegitoj* (D. = Delegito; SD. = Subdelegito).

*Angelholm* (Svedujo). — SD.: Anna Gyllsdorff.
*Bar-s-Aube* (Francujo). — SD.: S-ro A. Valch (51, r. Nationale).
*Brest* (Franc.). — D.; S-ro Keryell (63, rue Victor-Hugo).
*Buenos-Aires* (Argentina). — SD.: S-ro G. Muiños (Casilla de Correo 737).
*Calahorra* (Hispan.). — SD: S-ro C. Escobes (Calle del Sol 71-75).
*Carliste* (Anglujo). — SD.: S-ro J. S Duckers (Edenenoj-Westeral).
*Evora* (Portugal). — SD.: S-ro Prof Moraes Sarmento (Normala Lernejo).
*Gumbinnen* (German.). — SD.: S-ro Barkowski.
*Kardaŝova-Reĉice* (Bohem.) — SD.: S-ro Ligi Lustig.
*Kötzschenbroda* (Saksujo). — SD. S-ro H. Mangelsdorf (Grenzstr 48).
*Liria* (Hispan.). — SD.: S-ro Juan F. Serra
*Moncada* (Hispan). — SD.; D-ro J. Buxó.
*Moreuil* (Franc.-Somme). — S-ro G. Lemaire (40, r. de la Gare).
*Mindelheim* (Bavarujo). — SD.: S-ro J. Bronnenmeyer.
*Montevideo* (Urugvajo). — SD: R Idoyaga (str. Victoria, 61).
*Piombino* (Italujo). — SD.: S-ro Ferrucio Niccolini.
*Rilsk* (Rusujo-Kursk). — SD.: L. Pavloviĉ Levitskij.
*Stajersko* (Kroatio). — SD.: S-ro L. Roser (Maribor-ol-Dravi)
*St Denis* (Franc.-Seine). — SD: S-ro N. Hauel (6, pl. du Square Thiers).
*Terre Haute* (Usono-Indiana). — SD: S-ro J. Cliff, Anderson.
*Totok* (Celebes). — SD: S-ro R. F. Vaughan.
*Torino* (Italujo). — SD.: S-ro M. de Balzac (via Parini, 10).
*Tabor* (Bohem.). — SD: S-ro R. S Cikhart (103).
*Vankleek Hill* (Ontario-Kanado). — SD.: S-ro R. Chase.
*Verona* (Italujo). — SD.: S-ro C. Stevanini (Cassa Risparunio)
*Zaragoza* (Hispan). — D.: S-ro A. Cruz (Azoque 16-2o).

La Subdelegito de *Hamburg* (S-ro Vogler, Rathausstr, 18) fariĝis Delegito.

S-ro Claramunt ne plu estas Del. en *Barcelono* — La adreso de la dua Del. en *Bukareŝto* estas S-ro Haimsohn (Calea Rahovei 9). La adreso de la Del. en *Deal* estas provizore: 121 Castellain Mansion, Maida Vale-London W. — La Del. de *Le Mans* estas de nun S-ro A. Autin (farmaciisto). — Provizore ne plu estas Subdel en *Rusĉuk* (Bulgarujo). — La adreso de la Del. en *Toulon* estas nun: S-ro Berengnier, 29, rue du Puits.

Entute 421 lokoj kun 232 deleg. kaj 229 subdel.

*Propagando por U. E. A.* — Por respondi ofte esprimitajn dezirojn, ni decidis krei specialan subfakon dediĉotan al propagando por U. E. A. Tiu subfako sin okupos unuflanke pri varbado de novaj Subdelegitoj, aliflanke pri diskonigo de U. E. A. per organizo de paroladoj, disdono de propagandaj folioj, k t. p. Tiu ĉi subfako tuj de nun starigos liston de la personoj al kiuj ni povus nin turni, kiam okaze grupoj petos paroladojn pri Esperanto kaj U. E. A. La membroj de U. E. A, Delegitoj, Subdelegitoj, k. a., kiuj estas pretaj fari en sia regiono tiajn paroladojn, estas do tre insiste petataj sin konigi al ni kiel eble plej baldaŭ. Ni regule publikigos la liston de niaj paroladistoj kaj ĉiufoje kiam grupo deziros organizi paroladon pri U. E. A. en nia urbo, ĝi bonvolu sin turni al ni kaj ni penos havigi al ĝi taŭgan paroladiston. Ni mem zorgos, ke la vojaĝelspezoj de la paroladistoj estu pagataj de la invitinta grupo kaj ili havu nenian elspezon. Tiuj paroladoj povas koncerni ĉu U. E. A. ekskluzive, ĉu U E. A. kaj Esperanto, sed speciale laŭ la vidpunkto de U. E. A Al ĉiuj niaj paroladistoj ni sendas pretan planon de parolado kaj ĉiujn necesajn informojn. Ni esperas, ke multaj el niaj amikoj favore respondos nian alvokon kaj nin helpos por tiu agado tre grava por la disvastigo de U. E. A.

⁂ La folio de propagando de U E A., pri kiu ni jam parolis, estos preta en februaro. Ni esperas, ke ni poste povos aperigi eldonojn de ĝi en la diversaj naciaj lingvoj, laŭ la bezonoj

*Jura konsilantaro de U E. A.* — Fako Ia de U. E. A faris kun la Internacia Societo de la Esperantistaj Juristoj la jenan gravan interkonsenton:

1e — La I. S. E. J. fariĝas la jura konsilanto de U. E. A., t. e. liveros al ĝi jurajn konsilojn, ĉu pri demando interesanta tutan U. E. A, ĉu okaze de malkonsentoj okazantaj inter la Komitato de U.E.A. kaj Esperantianoj aŭ Esperantiaj entreprenoj.

2e — Kiam Esperantiano sin turnos al la Komitato de U. E A. por havi informojn pri jura demando por simem, la dirita Komitato (Fako Ia) transdonos la diritan demandon, kiu siavice sendos ĝin al la nacia kompetenta ano; tiu ĉi private solvos la aferon.

Por ĉio, kio koncernas tiun novan servon de U. E. A., sin turni al Fako Ia.

⁂

### FAKO IIa. — Financoj.

*Raporto pri la financoj de U. E. A. dum 1908.*

| | | | |
|---|---|---|---|
| ĝis 31an de aŭgusto | ₷. | 262,40 | 380,48 |
| dum Septembro | ₷. | 192,86 | 39,66 |
| » Oktobro | ₷. | 273,57 | 126,88 |
| » Novembro | ₷. | 144 63 | 422,10 |
| » Decembro | ₷. | 216,92 | 103,10 |
| Sumoj. | ₷. | 1090,30 | 1072,22 |

En kaso, ₷: *18,16.*

Sekve, dank'al la malavaraj donacoj ricevitaj, kaj al la sindonemeco kaj agemeco de niaj Delegitoj kaj Subdelegitoj, kiuj plej diligente klopodis por varbi al nia Asocio multajn membrojn, ni povas komenci la jaron 1909an, kun plej ĝojiga kaj esperiga financa situacio. Al ili niaj plej varmaj dankoj.

Oni rimarkos ke en tiu raporto, ni ne parolis pri la donacoj ricevitaj aŭ promesitaj, kiuj estis difinitaj de la donacintoj mem por diversaj specialaj celoj, speciale pri la mono kolektita de S-ro Roy por la kreota fako „Aerveturado". Estas ja necese ke nenia malkompreniĝo estu en la spirito de niaj amikoj pri tio. La diritaj donacoj, kaj speciale la malavara donaco da 5,000 ₷ de S-ro Schwob, tre riĉigas *morale* nian Asocion, ĉar ili permesas al ni multe plivastigi la agadkampon de U. E. A., pligrandigi ĝian utilecon kaj montri ĝian gravecon al la ĝis nun ne esperantistigita mondo. Sed tiuj donacoj *neniel pli riĉigas nian centran Kason*, ĉar, ĉiam zorge plenumante la deziron de la donacintoj, ni permesos al ni neniun deprenon el tiuj monsumoj, nek por la ĝenerala administrado de U. E. A., nek por aliaj entreprenoj ol tiuj al vi montritaj.

Ni do, kiel antaŭe, plej varme alvokas al niaj amikoj, ke li daŭrigu sendi al ni siajn monoferaĵojn, eĉ tre malgrandajn. Oni difinis tre malaltan kotizaĵon, por ke eĉ la plej malriĉaj homoj povu eniri niajn vicojn kaj ĝui la servojn organizitajn de nia Asocio. Sed niaj samcelanoj, kies monujo estas pli plena estas varme petataj iom aldoni al siaj kotizaĵoj.

Oni ne forgesu, ke nia tasko estas apenaŭ komencita kaj ke, dum la venonta jaro, ni devos fari multajn elspezojn: por presado de bultenoj por D. kaj SD. kaj diversaj cirkuleroj, nova eldono de la Jarlibro, premioj por niaj konkursoj organizado de vojaĝoj al la Va Kongreso, aranĝado de ekspozicio kaj de niaj kunvenoj en tiu Kongreso, kaj fine por multaj tre gravaj aliaj entreprenoj, laŭ la vojo montrita al ni de niaj Delegitoj en siaj jaraj raportoj, sed pri kiuj ni ne volas paroli antaŭ ol nia Komitato estos decidinta pri ili.

Sed ni treege esperas ke, vidante la bonegajn rezultatojn jam atingitajn de nia ĉiutage pli prospera Asocio, niaj D., SD. kaj membroj donos al ni, pli ol iam, sian tutan apogon... kaj ni fideme kaj plej energie daŭrigos nian laboradon.

*La financa fakestro,*
Th. ROUSSEAU.

⁂

### FAKO IVa. — Esperanto-Oficejoj.

Nuntempe ekzistas 106 Esp.-Ofic. de U. E. A., el kiuj 66 estas organizitaj tute laŭ la fiksita plano. Ni insiste petas la Del. de la Esp.-Oficejoj ne plene organizitaj, ke ili klopodu por ke ilia Oficejo estu starigata laŭ la komuna plano, kaj en la urboj, kie ne ekzistas tia Oficejo, la Del. plej baldaŭ kreu ĝin laŭ la montroj de niaj cirkuleroj, tiel ke en ĉiuj Esperantiaj lokoj ekzistu tiu necesega organo; ĉiuj informoj rilataj al tiu fako estu adresataj al S ro P. Blaise, Tanden Building, Merton Abbey, *London S. W.*

⁂

### FAKO VIa. — Komerco & Industrio.

*Esperantiaj entreprenoj.* — Laŭ la cirkulero nun aperanta en la Oficiala Bulteno de U. E. A., estas konsiderata kiel *Esperantia entrepreno* ĉiu firmo, societo, kontoro, gazeto, institucio, k.t.p., kiu estos aliĝinta al U. E A. kaj paginta specialan kotizaĵon, kiu por 1909 estis fiksita je 2 ₷.

*Iliaj rajtoj.* — Interŝanĝe de sia kotizaĵo, la Esperantiaj entreprenoj havos, krom la ordinaraj rajtoj de ĉiu membro, la rajton uzi la jenajn specialajn servojn:

*Liverado de komerca-industriaj informoj & enketoj:* ĉiu Esperantia entrepreno rajtas peti de niaj komercoj konsuloj per niaj Delegitoj informojn ne konfidenciajn, aŭ fari enketon, ĉu internacian, ĉu regionan, pri difinita temo, uzante la perecon de niaj Del. Por enketoj ili sin turnu al fako komerco, kiu donos al ili la plej bonajn konsilojn.

*Disdonado de reklamiloj:* Tiu servo estas plej grava kaj, kiel ĉiuj aliaj uzebla tuj de nun. En ĉiu loko niaj Del. kaj Subdel. firme promesis disdoni al la Esp-istoj de sia loko, ĝis fiksita kvanto, ĉiujn reklamilojn, prospektojn, katalogojn, k. t. p. sendotajn de Esp. entrepreno. Sekve, ĉiu firmo, kiu deziras plej facile ĉien diskonigi siajn produktaĵojn eksterlanden, aliĝu al U E A., presigu prospekton en la oficiala lingvo de nia asocio kaj sin turnu al la subfakestro (Sro-Ch. Schriewer, Neŭtra Moresneto), sendante la necesan kvanton, kiu estos plej rapide ekspedata al ĉiu dis dononto.

*Perado por reklamo & dungado:* La Esperantiaj entreprenoj povos uzi la perecon de de niaj Del por presigi reklamojn en la lokajn gazetojn, dungopetojn, k. t. p. Ili nur rendu al la Del. Esperantan tekston, kiun ili tradukos nacien kaj aperigos en la taŭgajn lokajn gazetojn.

*Juraj Informoj:* Laŭ la supre dirita interkonsento, ĉiuj Esp entreprenoj havos la rajton peti senpagajn informojn pri ĝeneralaj juraj demandoj. Pri tiu grava servo, ili sin turnu al fako Ia.

*Aliĝo.* — Povas aliĝi ĉiuj firmoj, societoj, entreprenoj gazetoj, k. a. esperantistaj aŭ ne, kies reprezentanto estos subskribinta la specialan aliĝilon. Ĉiuj personoj kiuj deziras aliĝi aŭ instigi firmojn al aliĝo, bonvolu tuj sin turni al la Delegito de sia loko, aŭ se ne, al ni mem.

⁂ Kiel oni vidas tiuj diversaj servoj estas plej gravaj kaj tuj kiam ili estos diskonigitaj, ne estas dubo, ke komercaj entreprenoj multe pli facile venos al nia afero. Ni petas, ke ĉiuj niaj Del., konsuloj; membroj kiel eble plej klopodu por konigi ilin, instigi firmojn al aliĝo, k. t. p.

*Konkurso.* — Ni rememorigas niajn komercajn konsulojn al la konkurso Warden pri: *La plej bone verkita raporto pri Komerco & Industrio.* (Vidu la kondiĉojn sur no de 15 decembro).

*Grava peto.* — Niaj Del, kaj speciale la komercaj konsuloj, estas treege petataj sendi almenaŭ 3 ekzempl. de ĉiu prospekto reklamilo, gvidilo, prezaro, k. t. p. Esperante redaktita kaj eldonita de komerca firmo de ilia regiono al Sro- A. Schriewer. subfakestro por reklamo, *Moresnet-neutre* (Belgujo Prusujo). Tiuj reklamiloj estas difinataj par la ekspozicioj de U.A.E., pri kiuj ni poste reparolos. Neniu forgesu tion fari.

⁂

### FAKO VIIa. — Junuloj.

Ĝis nun oni starigis konsulojn por junuloj en la sekvantoj urboj: Amiens, Amsterdam, Basel, Beaune, Béziers, Bovyslaw, Bourg, Bradfort, Bromberg, Bukarest, Burnley, Cadiz, Carcagente, Chaux-de Fonds, Colmar, Cordoba, Dresden, Düsseldorf, Edinburgh, Enguerra, Eskilstuna, Frankfurt s/M., Genève, Glasgow. Goole, Görlitz, Helsingberg, Königsberg, La Rochelle. Lausanne, Leith, Liverpool, London, Louhans, Magdeburg, Moskvo, Namur, Napolo, Neuchâtel, Niort, Orléans, Palermo, Philippeville, Prag, Reims, Rotterdam, Saint-Etienne, San Sebastian, Savigny-les-Beaune, Tarancon, Tiflis, Toulon, Toulouse, Troyes, Tunis, Varsovie, Vien.

Entute troviĝas konsuloj por junuloj en 57 urboj Ni atendas ankoraŭ respondon de 53 konsuloj Al kelkaj el la ĝis nun ne respondintaj ni sendis la alvokon jam en oktobro kaj novembro. Ni petas ĉiujn tiajn delegitojn, ke ili bonvolu baldaŭe respondi al la suba adreso, kaj ĉi tiuj, kiuj ĝis nun ne ricevis alvokon pri starigo de konsulo por junuloj kaj opinias, ke konsulo por junuloj en ilia urbo estu dezirinda, bonvolu ankaŭ sciigi al ni la nomon de konsulo por junuloj. Neniu volu diri, ke nun ankoraŭ konsulo por junuloj ne estu necesa, ĉar se li ankaŭ estas prava en tio, tamen nia U E A. gajnos jam per tio, ke ĝi havas tre grandan nombron de konsuloj por junuloj, kaj eĉ oni ne povas jam hodiaŭ scii, kiel baldaŭe okazos, ke fremdlanda junulo petos helpon en via urbo

Do ree ni petas baldaŭajn respondojn, kaj oni bonvolu adresi ĉion, kio koncernas fakon „junuloj" al S-ro Fritz Rockmann, Burkaŭerstr. 14, Magdeburg-S.

## Delegito - Konsuloj U. E. A.

## PRAKTIKAJ INFORMOJ

**Grava avizo.** — Tiuj informoj estu redaktataj *mallonge* kaj precize; oni sendu ilin al ni nepre antaŭ la 7a kaj 22a de ĉiu monato.

Ni ĉefe petas de niaj Del. kaj Subdel. *praktikajn* informojn, ne nur pri Esperanto-movado, sed ankaŭ pri lokaj okazantaĵoj, kiuj havas ĝeneralan intereson, kiel foiroj, ekspozicioj, industriaj, komercaj, turismaj aŭ artaj manifestacioj, k a. Ofte ni ricevas longajn raportojn pri Esp.-festoj kaj grupkunvenoj; ĉar tio prezentas eksterlande nur malgrandan intereson, ni ĉiam tre resumas tiujn raportojn, kiuj cetere havus lokon pli en la propagandaj gazetoj ol en nia. Ni deziras *faktojn*, kies legado povas utili al niaj legantoj.

### Aŭstrio.

*Triesto.* — Esp-Oficejo de U. E. A. estas ĉe la Librejo Ettore Vram, Corso N 5 La 9an de dec. komencis kurso kun multaj lernantoj. E. P.

### Bohemujo

*Praha.* — Delegito, konsulo por ĝeneralaj informoj: S-ro Vojtěch Kraus, urba oficisto, Praha, 320-I.

Konsulo por komerco kaj industrio: S-ro Jos. B. Novák, Praha, Zemská banka.

Konsulino por virinoj: S-ino prof. Matylda Krausová, Praha, 320-I.

Konsulo por junuloj: S-ro Jos Barvić, II. Růžová str. 1.

Tradukojn zorgas Sro del. V. Kraus, Praha, 320-I.

⁂ Bohema Societo Esperantista aranĝas nun la publikajn kursojn dufoje semajne en la salonoj de S-ino Dolijŝkové, Praha, II. Vodičkova ul. 33.

⁂ Nova esper.-kafejo en Ziżkov (Kuklovka) Stítnéko ul. 19.

⁂ Bohema Asocio Esperantista (ĝen. sekr. D-ro Kamaryt, VI. Albertov) elektis la sekcion por turismo, kiu estos certe la potenca elemento en rilatoj kun fremduloj; ĉiuj fariĝis anoj de U. E. A.

⁂ Esp-Oficejo: Vojt. Kraus, Praha, I-320; B. Vaničkova, Praha, na Přikopě, 23.

⁂ Ĵus eliris jam la tria numero de la tria jarkolekto de la gazeto „Český Esperantista" (Bohema Esperantisto). Jara abono estas 3 K. = 1,25 ₷. Kaj la adreso por aboni nur la ĝen. sekr. D-ro Kamaryt, Praha, VI. Albertov.

V. K.

*Plzen.* — La 12 dec. okazis sukcesa festo, aranĝita de loka esp. klubo. Oni prezentis « La Gasto », duakta komedio de S ino Vallienne; ĉiuj aktoroj estis bruege aplaŭditaj S-ro Batek reprezentis la klubon de Oscka kaj S-ro Kühnl la B. U. E.

⁂ La 18an finiĝis la kurso, kiun partoprenis 50 personoj La klubo aranĝos du novajn kursojn, kiuj sendube sukcesos same bone kiel la antaŭa.

B. TYTL, Del.

*Obergrund.* — La tiea Esp-istaro diligente laboris en la tuta ĉirkaŭaĵo. En ĝia Oficejo estas ricevebla preskaŭ la tuta Esp literaturo. La estro, S-ro Pazelt, fondis kvar fortajn grupojn, nome: Rumburg, Filippsdorf, Neugersdorf, Eibau. Li nun gvidas naŭ kursojn, en Obergrund, Niedergrund, St Georgenthal, Filippsdorf. Rumburg, Warnsdorf, Neugersdorf, Eibau kaj kurson de gejunuloj. Per tio li estas devigata ĉiunokte post la kurshoro 3 aŭ 4 horojn piede marŝi hejmen. En Leipa, S-ro Pazelt, del. U. E. A., baldaŭ faros paroladon.

### Francujo

*Douai.* — Ni havas la ĉagrenon informi la legantaron pri la morto de nia fervora samideano S-ro Georges Bottin, Del. de U. E. A. en Douai; ĉiujn komunikaĵojn pri U. E A. oni do sendu de nun al S-ro A. Humez, vicdel.

*Le Creusot.* — La jara ĝenerala kunveno de nia grupo la 20 dec en la urbdomo mirinde sukcesis. Post tre bona parolado de la prezidanto pri la agado de nia grupo dum la pasinta jaro, la sekretario-kasisto raportis pri la kalkuloj de 1908. Unu el la delegitoj de U. E. A. parolis tiam pri tiu ĉi grava organizaĵo, montrante la aktivecon de ĝia agado dum la lasta jaro; kaj admonis ĉiun grupanon aliĝi al ĝi. Tiu ĉi admono estos certe fruktodona.

⁂ La de 1909 no de la revueto de nia grupo jus aperis; ĝi enhavas artikolojn tre interesajn pri la agado de nia grupo. La literatura parto estas ankaŭ plej zorge redaktita.

⁂ La ilustritaj esperantistaj poŝtkartoj eldonitaj de nia Oficejo. montrantaj tre belajn vidaĵojn de nia urbo kaj de niaj fabrikejoj, ricevis la plej favoran akcepton de la esperantistaro. Ni memorigas ke la serio de dek malsimilaj kartoj estas sendata afrankite kontraŭ 0,4 ₷ Adresu la mendojn al Esp-Oficejo, Le Creusot (Francujo).

*La Flèche.* — La Esp. Federacio de Centr.-Okcidenta Franclando, fondita en 1908, enhavas 14 grupojn (Angers, Blois, Bourges, Châteaurenault, La Flèche, Laval, Le Mans, Loches Niort, Orléans, Romorantin, Saumur, Vierzon). En la lasta kunsido de l'Federacia Komitato, okazinta en Tours, la 1an de novembro, estis farataj tre gravaj decidoj, ekzemple la sekvanta pri alilokiĝantaj esperantistoj, kiuj alvenas en unu el la grupurboj de la Federacio: « Ili — plenrajte kaj senpage por la nuna jaro — fariĝos membroj de sia nova loĝurbo, se ili jam pagis la tutan jarkotizaĵon ĉe sia antaŭa grupo » La komitato plej varme deziras ke ĉiulandaj esperantistaj grupoj voĉdonu similan decidon.

Nun, en la tuta federacio, fariĝas granda propagando, kies rezultato estas jam organizo de novaj grupoj. Jen la federacia estraro por la jaro 1909: prezidanto, L. Decourt, 25, Boulevard Gambetta, La Flèche (Sarthe); vicprezidanto, Esselin, el Bourges; sekretario, René Beck, el La Flèche; kasisto, Gallien, el La Flèche.

*Le Havre.* — La 3an de dec., kun permeso de l'urbestraro, komencis publika kurso por virinoj en la „Praktika Lernejo de Komerco kaj Industrio

por Junulinoj"; ĝi estas sukcesplene farata de F-ino Mayer, profesorino en la dirita lernejo kies direktorino jus aliĝis al la grupo. 36 lernantinoj.

⁂ Alia kurso ankaŭ estas malfermita de Sro Ternon por la lernantoj kaj eks-lernantoj de la unuagrada lernejo staranta en la strato Dumé-d'Aplemont.

⁂ Samtempe Sro E. Gasse, konsulo kaj vicdel. de U. E. A., presigis en grava loka jurnalo propagandan leteron pri la servoj fareblaj de Esperanto en la komercaj rondoj.

⁂ La Grupo decidis sendi al la 80 kuracistoj de la urbo la lastan numeron de "Esperanto„ (kun franca aldono) kiu enhavas artikolon titolitan : "L'Esperanto à la Faculté de Médecine".

*Parizo.* — La ĉefaj estroj de la policprefektejo aniĝis en la *Polica Klubo* Esp. de Parizo. Ni povas citi inter ili S-rojn Monguin (subprefekto polica), Hamard kaj Bertillon. Kvar policaj kluboj ekzistas en la mondo : Dresdeno, Kopenhago, Parizo kaj Stockholmo Oni anoncas al ni la fondojn proksimajn de aliaj. (Sidejo : Prefecture de police, S-ro Miguière, prez.).

⁂ La Esperanta parolado de nia samideano Backheuser, el Rio de Janeiro, ĉe la Sidejo de la Franca Geografia Societo, pri Brazilujo havis grandan sukceson. Pli ol 400 personoj ĉeestis kaj aplaŭdis la paroladinton, kiu en bonega Esperanto kiel eble plej klare konigis la ankoraŭ malmulte konatan Brazilujon. La plej ĉefaj gazetoj Parizaj favore parolis pri tiu okazintaĵo, kiu estas ĉie imitinda.

*St-Etienne.* — Dum oktobro kaj novembro okazis en St-Etienne ekspozicio da meĥanikaj knediloj. Multaj estis la aparatoj elmetitaj ; ĉiuj donis kontentigon al la panfaristoj kiuj uzis ĝin. Tiuj aparatoj estas vere atentindaj, kaj ĉiuj Esperantistoj kiuj dezirus ricevi informojn pri ĝi estas petataj sin turni al S-ro Ferrière J.-B., 99, rue Gambetta à la Ricamarie, Loire, subdel. de U. E. A.

## Germanujo.

*Aachen.* — La 1an de jan. 1909 estos starigata tie ĉi en Aacheno Esp.-Oficejo de S-ro Schmitz (U. E. A. ano) verŝajne en la Bahnhofstr.

*Berlino.* — S-ro Steier, komerca konsulo de U. E. A. en Berlino kaj redaktoro ĉe la grava gazeto „*Das Echo*" informis nin, ke la redakcio de la dirita gazeto estas preta publikigi la adresojn de komercistoj, hoteloj, industriistoj uzantaj Esperanton.

⁂ La 2 dec. S-ro D-ro Kandt, komitatano de U. E. A. paroladis pri nia Asocio ĉe la Berlina grupo.

⁂ La Berlina grupo tre fervore laboras. En niaj lastaj kunvenoj ankaŭ partoprenis du ĥinaj sinjoroj, kiuj montras intereson por Esp. La Berlina grupo, la 23 jan., havos vintran feston en la Sophienhalle (Sophienstr. 17/18) por kiu ankaŭ eksterlanduloj estas kore invitataj.

⁂ La diversaj U. E. A. helpantoj de la Delegito (S-ro W. Marchand, Uhlandstr. 31-III) estas S-roj G. Hauff kaj K. Steier, konsuloj por komerco; O. Bergmann, konsulo por junuloj ; F-ino M. Rabe, konsulino por virinoj.

*Dresden.* — La 14 dec. 1908 S-ro Schlaf el Leipzig-Taŭcha vizitis Dresdenon, kie baldaŭ estos fondita la „*Esperantista Laboristara Ligo*". Li intencas neebligi, ke la laboristaro plue estu ekspluatota per falsitaj sistemoj. Jam nun laboristoj kaj laboristaj societoj kore estas petataj, uzi la adreson de la fidinda kamarado kaj atestita societano L. Schlaf, kiu depost la 1an de aprilo 1909 loĝos en Dresdeno.

*Köln.* — Fondiĝis nova societo Esp. „Gesellschaft Kölner Esperantisten, Köln". En du semajnoj ĝi havas 55 membrojn, kiuj estis partoprenantoj de Esper. kursoj. Kunvenaj lokoj estas : por merkredo Hotelo „Baŷerischer Höf" Rechtschule 6 (vespere je la 9a) ; por vendredo Hotelo „Belle-Vue" Maximinenstrasse, 50 (vespere je la 9a) ; ĉiuj estas ĉiam bonvenantaj ! En venanta monato komencos novaj kursoj.

*Stuttgart.* — La esper-anoj kunvenas nun ĉiumarde en la kafejo „Friedrichsbau" de la 8a ĝis 10a vespere. S-ro P ro Christaller faris raporton pri la celoj kaj la ĝisnuna agado de U. E. A. en la ĉitiea grupo Stuttgarta Esperanta Stelo. Novaj kursoj por lernantoj baldaŭ ree komenciĝos ĉar S-ro Leyrer finos baldaŭ la nunajn kursojn.

A. H.

## Grekujo.

*Patras.* — Kiel sola la Subdel. de U. E. A. povis en 4 monatoj fari nur unuajn paŝojn por Esperanto kaj U. E. A. ; ĉe privatuloj li vekis sufiĉe da intereso, kvankam grekoj ĝenerale ŝajnas neemaj al laboro profitanta al alia. Li intencas malfermi kurson la venontajn semajnojn. De la lernejoj, li ĝis nun ekinteresis la liceon Kanellopulos, unu el la du gimnazioj (dir.: Kaliafas) kaj la komercan lernejon, en kiu kurso por profesoroj tuj malfermiĝos. La aliaj sendube baldaŭ sekvos ; plej utila vorto greka estas „ávrio" (morgaŭ), kiu klarigas la malrapidan sukceson de Esp. — En Atheno, laŭdire, ekzistis grupo, sed ĝisnuna klopodo ne donis rezultaton. En printempo la Subdel. esperas tie « skui la teron persone ». — Adresoj de aliurbaj izoluloj estos danke akceptataj.

P. Bünemann, Subdel.

## Hispanujo

*Barcelono.* — En la Societo « El Artesano » (strato Travesia S. Antonio, 18, Gracia), estis fondata la 22an de Decembro de la nuna jaro, esp. grupo nomita « La Metiisto ». La direkta komitato konsistas el S-roj. Josefo Sohona, prez. ; Mikaelo Artigues, kas. ; Henriko Cardenal, sek. ; Josefo Maseip, kaj F-ino : Tereso Amat, voĉdj.

## Holando

*Amsterdamo.* — La 13 dec. okazis 1a Esper. posttagmeza prezentado. La fama aktoro Poolman deklamis kun granda talento. Poste okazis koncerteto. Aliaj geaktoroj deziras lerni Esp. Do, iom post iom oni atingos la finan celon : granda prezentade de fama verko en nia helplingvo.

## Italujo.

*Napolo.* — En novembro Sro Rafaelo Bagnulo, del. U. E. A. faris tre gravan paroladon pri „Esperanto kaj komerco" ĉe Asocio ĝenerala komerca Napola, parolinte precipe pri U. E. A. kaj ĝia Instituto : « Komercaj interŝanĝoj per Esperanto » kiun oni aranĝas serioze ĉiulande per kompetentuloj. Nia lerta delegito, kiu estas ankaŭ la prezidanto de l'grupo « Gefrataro », malfermis du kursojn kaj en proksima januaro komencos tre interesan universitatan kurson ĉe federacio « Corda Fratres ». Li fine tre laboras por reorganizi italan asocion por propagando de Esperanto.

## Rumanujo

*Bukareŝto.* — Rumana Esp. Societo starigis „Esper.-Oficejo" de U. E. A. ĉe la librejoj : L. Alcalay, cal. Victorici, 37, kaj Librària Nouà, cal. Victorici, 78.

⁂ Ĉe la bierejo „Academici" sur Bd. Academici oni starigis bierejon de Esperantistoj. Sur fenestrego estas pentrita verda stelo kun surskribo „Kunvenejo de Esperantistoj". Tie ĉi unu kelnero lernas Esperanton kaj donas ĉiujn informojn ; ĉiam troviĝas esperantista jurnalo „Rumana Esperantisto", „Esperanto" kaj aliaj.

⁂ Dimanĉe, 6an de novembro, oni malfermis en Bukareŝto unuan esper. magazenon. Dank'al sindonemeco de niaj novaj esperantistoj S-roj Gheorghin ni povis ĝui tiun ĉi fakton. Ili decidis ke la spicejo, kiun ili fondis havu la nomon „Esperanto", tial registris ĉe juĝejo la firmon „Konsumejo Esperanto" kaj nun ni povas fiere vidi, ke nia propagando enradikiĝas kaj iras sur praktika kampo ; ĉe la malferma festo ĉeestis multaj esperantistoj kaj ĉiuj gratulis tiujn ĉi s-rojn por ilia fakto kaj por la amo kiun ili havas al nia entrepreno. Cetere S-ro Georghin jam antaŭe montris sian amon al Esperanto ĉar li faras al la esperantistoj specialajn prezojn por sia publika banejo.

⁂ Ĉe la fabriko de ĥemiaj produktaĵoj en P. Neamt starigis specialan fakon por fabrikado de parfumoj kaj desinfektigaj produktaĵoj. Al tiu ĉi fako oni donis la nomon „Esperanto" ; ĉiuj tiuj ĉi havas klarigajn folietojn redaktitajn en Rumana kaj Esperanta lingvoj.

J. G., del.

⁂ Sekvante la belan ekzemplon de la germana societo el Frankfurt a/-M., nia „Esperanto Bukareŝta propaganda societo", str. Coltei no 16, publikigis en „Universul" — unu el la plej disvastigitaj rumanaj gazetoj — konkurson de Esper. por altiri tiamaniere la publikan intereson. Oni disdonos al la kvar aŭ kvin plej bonaj respondontoj, premiojn, kiuj konsistas el esp. verkoj (vortaroj, romanoj, k. t. p.).

La provo montriĝas bona, ĉar ĝis nun — oni publikigis la konkurson nur antaŭ tri tagoj — alvenis eĉ el la plej malgrandaj urbetoj, kie oni ne supozis ke jam ekzistas esperantistoj, pli malpli bone redaktitaj respondoj.

## KORESPONDAĴOJ

### Internacia Ekspozicio en Bologna

Bologna, Decembro 1908.

Altestimata Samideano,

La subskribinto, havas la honoron prezenti la programon kaj la regularon de la unua internacia kaj ĝenerala Ekspozicio kiu uzos oficiale Esperanton kiel solan lingvon por la interrilatoj kun la Eksterlanduloj kiuj intencos partopreni al ĉi tiu paca vetbatalo de Arto, Industrio kaj Laboro.

La entuziasmo per kiu oni ĉie akceptis la simpatian kaj utilan iniciativon, la helpo jam certigita de ĉiuj italaj Asocioj de publika flegado kaj tiu de l'eminenta Honora Komitato kunmetita de la plej altrangaj urbanoj, donos vivan konfidon por la sukceso de la Elmontro kiu rezultos nepre tre grava, se la Esperantistoj are konkursos kun siaj produktaĵoj aŭ verkoj al tiu festo, kiu sub la insignoj de la Verda Stelo kaj de la Verda Kruco, havas celon samtempe praktikan en la sfero de l'komerco, kaj moralan en la kampoj de l'bonfarado kaj de l'internaciismo Plie mi nepre konfidas ke ĝi bonege taŭgos por ke Esperanto pruvu, antaŭ la skeptikuloj, la dubantoj kaj la ŝanceliĝantoj sian ageman ekziston eĉ sian triumfan progresadon, kaj definitive trenos kaj kuninvolvos la registarojn en sian jam ne plu kontraŭstareblan fluon.

Mi povas malkaŝe garantii ke la produktaĵoj, la ellaboraĵoj kaj la verkoj ĉiulandaj, prezentitaj sub la egido de Esperanto, estos ne nur senpartie sed eĉ simpatie taksotaj de la kompetenta juĝantaro de ĉiu fako, kaj la Esperantistoj estos ŝatataj kiel la plej gravaj kunlaborantoj por la prospero de l'Ekspozicio. Mi atentigas la konkursantojn pri la No 25 de la Regularo, aldonante ke la artikoloj priskribantaj la individuajn elmontrojn kaj la fabrikojn de la produktaĵoj povos esti presitaj indiferente en Esperanto, Itale aŭ en ambaŭ lingvoj.

Ĉiu Konsulo, ĉiu Delegito aŭ Subdelegito de Universala Esperanto-Asocio, ĉiu Oficejestro kaj Klubestro, fine ĉiu aparta kaj izolita sindonemulo al la Esperantista sento kaj afero havas vastan kampon por dissemi. Li devas klopodi per ĉiuj siaj fortoj por konvinki multajn kaj ĉiuspecajn Firmojn partopreni al tiu ĉi vere internacia konkurso. Fine, kara Samideano, mi petas ke vi bonvolu anoncigi nian Ekspozicion en kiel eble plej granda nombro de internaciaj kaj naciaj jurnaloj kaj sendigi numeron al la Direkcio. Jam la elmontro de aro de la plej malsimilaj jurnaloj de la tuta terglobo, kolektitaj dank'al neŭtra lingvo, formos ne lastan kaj malŝateblan kuriozaĵon kaj logaĵon de la Ekspozicio.

G. Castagnone.

—o—

### Alvoko al Studentoj.

Antaŭ dudek jaroj D-ro Zamenhof frapis per sia sorĉema bastoneto kaj kreis, kiel tiu feino, la miraklon — ĉion venkantan — Esperanton !

De tiu tempo pasis multe da tagoj, forfluis multe da monatoj — multe da malamikoj, perfiduloj, k. t. p., subfosadis la kreitaĵon, sed... ĝi senlace, ne atentinte ĉiuspecajn malamikaĵojn ĉiam iris antaŭen kaj antaŭen...

Kaj jen homoj iom-post-iom komencis kompreni ĝian noblan rolon por homaro, ĝian sanktan signifon en batalo por la amo kaj paco inter la ĉiam batalantaj nacioj.

Esperanto travivis jam staton de dubeco, staton de provoj... ĝi estas nun estaĵo viva — ĝi evolucias — do ĝi ĉiam vivos !

Kaj multaj societoj, grupoj, asocioj, celantaj malsame la saman idealon, jam batalas por nia nobla ilo : Esperanto.

Kaj mi, nesperta junulo, mi ankaŭ tre volus ion fari en tiu ĉi komuna batalado por la homa feliĉeco, mi volus ankaŭ meti en grandan, grandiozan konstruaĵon de homa laborego mian malgrandan, ankoraŭ ne poluritan ŝtoneton...

Mi estas studento kaj al vi ĉiulandaj gestudentoj, niaj samideanaj gekolegoj, al vi mi turnas min. Oni jam de longe scias, ke nenio povas sukcesi, se oni ne havas la interŝanĝon de opinioj inter si.

Por ke iu ajn ideo estu vera kaj utila, oni devas ĝin submeti al tiu interŝanĝo de opinioj — ĉi tio estas jam aksiomo konita. Kaj, por ke tiu ideo povu havi praktikan signifon en la vivo, la samaj kunbatalantoj por la sama ideo devas esti organizataj.

Do ni, studentoj, devas esti ankaŭ organizitaj ! Ni ĉiuj laboras, studas kaj poste batalas pro kaj por la sama, komuna al ni ĉiuj Scienco, en la plej larĝa senco de ĝi.

Do, ĉu ni ne bezonas havi nian, al ni propran organizacion, kiu ligus nin ĉiujn per unu kaj ĉiam la sama idealo !

Ĉu ni ne havas ion por interkomuniki !...

Jes, ni havas ion, kaj tiu ĉi „io" estas tre grava !

Ni — estontaj kuracistoj, juristoj, inĝenieroj, k. t. p — ni devas fine rompi la barilojn, kiuj ankoraŭ dividas la popolojn inter si, ni devas penadi por prepari la rompadon de fantaziaj, elpensitaj de homa maboneco limoj, ni devas ligi intelekte ĉiujn popolojn inter si !

D-ro Zamenhof, nia glora, genia nuntempa Kolumbo diris :

*...Komprenante unu la alian*
*La popoloj faros en konsento*
*Unu grandan rondon familian !*

Jes !

„*Dissaltos la obstinaj baroj...*"

sed ankoraŭ :

„*forte staras muroj de miljaroj*
*inter la popoloj dividitaj !*"

Kaj al ni — estonta batalantaro — estas la sankta rolo dissaltigi la „obstinajn barojn"...

Sed, mi ripetas, por batali kun sukceso, ni devas esti organizitaj. Do al ĉiuj niaj karaj gekolegoj mi proponas la projekton organizi „*Universala'n Studenta'n Unio'n*".

Ni ĉiuj estos kolektitaj sub la komuna verda standardo de tiu „*Unio*" kaj samtempe ni estos ankaŭ fake organizitaj : studentoj de medicino, leĝoscienco, inĝenieroj, k. t. p.

Kaj eble tiam, havante nian komunan ĉiulandan organizacion, mia kolego el Brazilujo estos pli parenca spirite al mi — ruso kaj studento en Svisujo, kaj mi — eble — estos pli parenca al Svedo kaj pli maltimema iri Japanujon por studi aŭ por alia afero. Amikoj, studentoj ! Kolektiĝu ni el ĉiuj landoj kaj sub dolĉa, ensorĉiga kanto de l'Espero, etendu unu alia amikan manon, ni alvenu ĉiuj kaj juru labori por amo al homo. Ni estos multaj, do ni estos fortaj !

Verda standardo kovros nin ĉiujn kaj ĝia brilanta steleto benos nin al batalado ! Kiam ni estos ligitaj inter ni — neniu forto venkos nin, nenia ventego ekŝancelos nin kaj, konante unu la alian, ni fiere kaj kuraĝe iros ĉiam antaŭen...

Amikoj, alvenu ni ĉiuj, Homa Scienco estos por ni nia komuna „Alma mater !"...

Mi insiste petas ĉiujn, kiuj konsentas kun mia propono, ke ili skribu al mi ĉion, kion ili pensas pri tiu ĉi afero kaj mi estas certa post kelka tempo ni estos jam unuigitaj. Ciuj devas labori por nia estonta „Unio" — ĉiuj, al kiuj estas kara la idealo de Komuna Amo, devas nin helpi !

Do mi estos tre danka, se oni bonvolos sendi al mi (I. Eydelnanth, studento de medicino, Lausanne (Svislando), strato St. Pierre, 8-III) ĉiajn informojn projektojn, k. t. p., pri mia propono.

I. Eydelnanth,
*Stud. de medicino.*

P. S. — Ciuj naciaj Esp. gazetoj kaj revuoj estas petataj represigi tiun ĉi alvokon !

## PERESPERANTAJ SOCIETOJ

### Esperanta Psikistaro.

Internacia Unuiĝo por Psikisma studado per "Esperanto"
*pri Spiritismo, Hipnotismo, Magnetismo, Telepatio,* k.t.p., k.t.p.
—( sub la honora prezido de S-ro E. Boirac )—
Kotikaĵo *laŭvola*, almenaŭ 1 ₷ jare.

KOMUNA PROGRAMO

*Tuja parto.* — Decidoj de la Iniciativa Komitato :

1) Fari alvokon al la duoble samideanoj (Esperantistoj-Psikistoj) per anoncoj en Esper. gazetoj kaj precipe per la gazeto „Esperanto" de Gevevo.

2) Fari alvokon al la tutmondaj psikistoj per nacilingvaj cirkuleroj kaj, kiam eble ostos, per artikoloj en diversnaciaj psikismaj gazetoj.

3) Sekve organizi kursojn de Esperanto ĉe la psikimaj societoj, por esperantistigi kiel eble plej multe da psikistoj.

4) La organizantoj de tiuj kursoj estas petataj sin konigi kaj pri siaj laboroj kaj rezultatoj komuniki al la Sekretario sciigojn kiujn li trandonos al la gazeto Esperanto".

5) Ciuj atigintoj estas petataj komuniki al la Sekretario la nomojn de la personoj plej fervoraj kaj spertaj je la celo kolekti aron de spertaj sindonemuloj por faciligi la estontan elekton de regula komitato.

6) Tiu elekto fariĝos dum speciala kongreso okaze de la venonta Esp-istaro kongreso en la kongresurbo.

7) Dum la sama speciala kongreso oni decidos pri pli detala administra organizado de la psikistaro (pri la starigo de la diversaj centroj kaj ilia interligo).

8) Tion atendante la aliĝintoj estas petataj komuniki al la Sekretario ĉiujn ideojn kapablajn plibonigi la programon. Raportoj pri tiuj ideoj estos prezentataj dum la speciala kongreso.

9) Gis la decidoj de la speciala kongreso kaj ĝis la elekto de regula komitato, la kotizaĵo de ĉiu aliĝanto estas laŭvola sed almenaŭ po 1 ₷ ; ĝi devos esti sendata al S-ro A. Stas, la sekretario de la Iniciativa Komitato, 25, Strato Antonius, Antverpeno (Belgujo).

⁂ S-ino E. Noeggerath, el München, fariĝis honora membrino.

⁂ Nia sekretario ricevis la sekvantan leteron :

« Kun plezuro mi ricevis vian sciigon pri la fondo de la „Esperanta Psikistaro" Ke mi plene aprobas la fondon de via Unuiĝo, pri tio vi kompreneble ne povas dubi. Al Esperanta Psikistaro mi sendas mian plej sinceran saluton kaj bondeziron.

« Via, L. L. Zamenhof. »

⁂ La Esperanta Psikistaro deziras feliĉan novan jaron al siaj anoj kaj interesiĝantoj.

## AL NIAJ LEGANTOJ

**Ni sendas al ĉiuj niaj kunlaborantoj kaj legantoj, al ĉiuj Esperantianoj kaj Delegitoj, Subdelegitoj, k. a. de U. E. A. niajn plej sincerajn bondezirojn por la nova jaro.**

⁂

*Ni rememorigas al niaj abonantoj, ke multaj abonoj finiĝas kune kun tiu numero ; tion ni montras per litero* **F** *skribita sur la banderolo de ĉiu abonanto, kies abono estas finita. Por eviti ĉian malfruiĝon en la ekspedo kaj ĉian neutilan tempoperdon, ni petas ke ĉiuj personoj, kies abono finiĝis, bonvolu sendi* **KIEL EBLE PLEJ BALDAŬ** *sian abonpagon por 1909 (1,60 ₷) al nia administrejo.*

*Ni kun plezuro kaj danko akceptos ĉiujn rimarkojn, proponojn, projektojn, kiujn komunikos al ni niaj abonantoj kaj legantoj por plibonigi* **ESPERANTO.**

⁂

Ni rememorigas al niaj francaj legantoj, ke ili povas ricevi sespaĝan eldonon pagante nur 4 fr. jare kaj ke tiuj, kiuj jam ricevas la jurnalon povas pagi suplementon de 1 fr. por ricevi la francan eldonon.

ESPERANTO.

FELIETONO DE " ESPERANTO " 12

# LA PATRINO

de **Ernst ZAHN**

(trad. J. Ŝmid, Bern).

La tempo pasas. Ankaŭ la duonjaro de Balbino pasas. Tiam okazas kiel oni diris: ili liberigas la maljunulinon; ĉar nek Tobias, nek Lene scias la precizan horon de l'liberigo, neniu venas ricevi ŝin en Altdorf. Eble ŝi deziris tion. En nigra, simpla vestajo kiel ĉiam ŝi kutimis, la tukon ĉirkaŭ la kapo, korbon kun diversajoj ĉe la brako, tiel ŝi iras piede la vojon de Altdorf al Steg; ŝi marŝas tute tiamaniere kiel ĉiam, la fortajn manojn ligitajn sub la brusto, per longaj, ŝovaj paŝoj, malmulte rigardante tion, kio estas flanke de ŝia vojo. Homoj renkontas ŝin, tiaj, kiuj ne konas ŝin, kaj tiaj, al kiuj ŝi estas konita. El la lastaj kelkaj haltas kaj postvidas ŝin. Ŝi ankaŭ rimarkas kiel tiu aŭ tiu ĉi ekscitiĝas pro ŝia alveno kaj ŝin surprizege rigardas, kiel alia flanken turnas la kapon por ne esti devigata saluti, sed ŝiaj enfalintaj vangoj ne ruĝiĝas; ŝi ne zorgas pro la homoj. En la duonjaro de sia mallibereco ŝi glatigis kun dio, kio estis glatigota. Multe ŝi preĝis kaj ofte la pastro estis kun ŝi. Kun la homoj ŝi nenion havas komunan, nenion volas de ili, kaj tial ankaŭ ŝi neniel timas pro ili: ŝi atingas Steg kaj paŝas tra la vilaĝo. Ke la novajo, „ Balbino revenas ", antaŭ ŝi rapidas, ŝi bone rimarkas, sed pro tio eĉ ne turnas la kapon.

Kiam ŝi eniras la Andermatt-domon, estas preskaŭ tagmezo kaj Lene en la kuirejo preparas la manĝajon; ŝi vidas la knabinon tie, sed ne alproksimiĝas je ŝi, tra la stubo ŝi iras kaj en la dormoĉambron, kie ŝi demetas tukon kaj korbon. Poste ŝi revenas, kvazaŭ ŝi nur hejmen venis de malgrava komisio, premas la manon al Lene, kiu rimarkis ŝian alvenon kaj timege, tremante, kun pala vizaĝo envenis la stubon, kaj diras: « Kion vi kuiras hodiaŭ? » ne atendas la respondon, sed rekte iras en la kuirejon kaj komencas movigi en la pato per la kulero, kiun la knabino jus demetis el la mano. Tiel ŝi reiras en la ĉiutagan vivon, kvazaŭ ŝi neniam forlasis ĝin. Eble ŝi rimarkas la tremadon, timon kaj konfuzecon de sia nepino, sed kun stranga, senparola decideco ŝi ignoras ĝin kaj tiamaniere ŝi nevole ankaŭ sukcesas forgesigi tion al la alia. Kaj kiel al Lene, tiel ŝi poste same influas la edzon, kiam tiu ĉi post nelonge revenas de la laboro, ekscitita kaj malforta of kutime. Lia vizaĝo prupas, ke la penso pri la baldaŭa reveno de l'edzino jam en vojo, ŝin jam delonge lin elpelis el la ekvilibro. Kiam nun li subite ekvidas ŝin, liaj lipoj ektremas en la barbo kaj la larmoj elkuras el liaj okuloj. Sed Balbino malgraŭ tio seke ektuŝas liajn fingrojn, kiel ŝi salutis Lene, deprenas liajn ĉapelon kaj hakilon el la mano, kaj tiel ŝi ĉiam faris kiam li venis hejmen kaj tiaj iras alporti la supon. Entute ŝajnas kvazaŭ ŝi neniam forestis, eĉ dum la interparolado ĉe la tablo. Kvazaŭ devige Tobias kaj Lene sidiĝas apud ŝi kaj ŝi kun ili parolas pri laboro, vetero, saneco kaj tiaj aferoj en sia kutima, abrupta, trafa maniero. Nur pri la duonjaro, kiun ŝi jus lasis, kaj pri la malfeliĉa tago, kiu ĝin kaŭzis, ŝi ne parolas.

La tago de ŝia reveno pasas, ankaŭ la venonta. Kio estis okazajo fariĝas ĉiutagajo. Tobias kaj Lene apenaŭ rimarkas, per kia superhoma perforto Balbino ilin preterkondukis ĉe la okazajo kaj reenkondukis en la ĉiutagajon. Tobias reviviĝas. Eble kelkfoje la ĉagreno lin turmentas, sed la agrablecon, per kiu li sentas, ke la manoj, kiuj dum longaj jaroj prizorgis lin, denove laboradas, estas bona sanigilo. Kun pli granda peno Lene trovas la vojon preter la malfeliĉaj memorajoj kaj ofte, nevole, ŝi rigardas la avinon flanke, mirege, en sekreta frosttremo, ĉar ŝi ja per propra mano — mortigis homon. Balbino scias, ke Lene faras tion, scias ĝin kaj pro tio sentas sin nek kolere nek doloron — kiel oni povas vidi. Nur al Tobias ŝi diras la vorton: « Al la fratino, en Erstmatt, mi volas doni la knabinon; estas tro enua por la knabino ĉe ni du gemaljunuloj. Ankaŭ la mastrumadon ŝi pli bone povos ellerni tie. » Ĉar ŝi do intencas baldaŭ edziniĝi je Petro. »

Dirante tion Balbino intencas liberigi la knabinon de la ŝarĝo kiun al ŝi kaŭzas ŝia kunestado; sed ŝi ankaŭ scias ke ŝi intencas la nepinon en domon, de kie Petro, la najbaro, post unu aŭ du jaroj pli volonte ŝin venigas ol el tiu ĉi domo.

Kion Balbino diris, baldaŭ efektiviĝas; ŝi ĉiam havis rapidan manon kaj efektiviĝis kion ŝi intencis. Obeeme, eĉ gaje Lene foriras. Kaj kiam ŝi estas irinta, la maljunulaj plue mastrumadas. Tobias, ĉiam pli kontenta, ĉiutage pli facile forgesanta la estinton, Balbino... jes Balbino...

Neniu multe rimarkas ĉe ŝi, krom ke ŝi estas malgrasa, ke ŝi ne ridas kaj ne havas koloron en la vizaĝo; neniu scias, kial ŝi kelkafoje dum krepusko sidas sur la benko antaŭ la domo, aŭ supre en la ĉambro, kie Georg iam dormis, aŭ en la stubo tie, kie li kuŝis ĉe la muro! Tute silenta ŝi tiam sidas. Plori la virinoj en tiuj regionoj ne facile povas, havas nek vortojn, nek gestojn, nek ĝemojn por tio, kio turmentas ilin. Sed ĉiufoje kiam Balbino tiel sidas, sola, pripensanta, ŝi vidas la filon tian, kian ŝi konis lin kiel malgranda kaj havis ĝojon pro li, kia li pligrandiĝis, foriris kaj revenis, ŝi vidas lin, ĝojas pri li, sentas sin ligita kun li per tiu fortaj fibroj kaj ree sentas disŝiri fibron post fibro laŭ infera dolorego, perdas lin kiel ŝi naskis lin, per multe pli gravaj doloroj, perdas lin tiel ĉiutage, egaligas ĉion kun si mem, ke neniu ĝin vidas kaj ŝi sentas konvinkita, ke, se ŝi ankoraŭ unufoje samamaniere okazus, ŝi ne agus alie!

FINO

Pres. Ch. Zœllner, Genève